**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

Responda redaktoro: ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

ĈEFKUNLABORANTOJ: J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallin), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Ladislao Halka (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## KONKURSO — KONKURSO

Literatura Mondo anoncas konkurson pri titolpaĝo por la jaro 1933. Tiuj kvar titolbildoj, kiujn la Juĝanta Komitato trovos plej valoraj, estos premiitaj kaj publikitaj en la revuo, kaj nia legantaro elektos el ili per voĉdono. Limtempo: 31-a de oktobro 1932

## KONKURSO — KONKURSO



**Nia sekva numero aperos la 10-an de oktobro**

# Babilado pri Parizo kaj pri la XXIV-a

— Julio Baghy —

Dum la lasta redakcia kunveno miaj kolegoj surprizis min per la deziro, ke mi verku raporton pri la Pariz-a kongreso. Vane mi protestis. Mi diris al ili, ke la raportmaniera verkado ne estas mia metio, ĉar se mia fantazio vole nevole liberiĝos, mi falsos la faktojn kaj se mi profundiĝos en la realon, mi ne povos reteni min de la rememoroj. Kiu ekmigras sur la vojo de rememoroj, tiu kontraŭvole tuŝas la kordojn de subjektiva sentimentaleco. Kiu ŝatas raporton, pakitan en lirikon? Neniu. La leganto estas scivola pri la okazintaĵoj kaj ne pri la sentoj kaj pensoj de s-ro N. N. redaktoro. La leganto estas tute prava. Mi amasigis ankoraŭ kelkajn motivojn por liberiĝi, sed la volo de la plimulto venkis per la argumentoj: »vi loĝis en Parizo, vi konas la parizanojn, vi vidis la preparan laboron kaj partoprenis ankaŭ en la kongreso mem«.

Mi ne neas, ke tiuj ĉi argumentoj estas konsiderindaj, tamen ĝuste en ili kaŝiĝas la kaŭzo, kiu malfaciligas mian taskon. Mi provis klarigi al miaj kolegoj tion, sed ili *ŝajne* ne komprenis la motivadon kaj tial mi estas devigata turni min al vi, kara leganto. Eble vi estos pli komprenema, almenaŭ pli indulgema kaj absolvos min.

»*Vi loĝis en Parizo*«... Eraro. Mi ne nur loĝis en Parizo, sed mi havis tie sonĝovivon. Mi forgesis, ke kvardek kaj kelkaj jaroj peziĝas sur min. Kun studenta juneco mi vagadis tra la bulvardoj, reveme sidadis en kafejoj de la universitata junularo kaj per la neo de la pasinteco mi teksis tiajn fantaziajn planojn, kiajn mi faris iam en mia dekoka jaro. Mi rejunigis mian animon per la observado de la ŝaŭmanta vivo kaj mia koro estis plena de amaj melodioj. Ilin mi duonvoĉe kantis sidante ĉe tableto en Café de la Sorbonne kaj mire mi revidis min juna en la fumringo de mia pipo. Nun Parizo estas for, la iluzidona atmosfero mankas, nur la pipo restis, la pipo, kiu konvene al mia aĝo iom pesimiste pendas el inter miaj lipoj... Ne deziru raporton de tiu, kiu en Parizo havis sonĝovivon!

»*Vi konas Parizon*«... Mi ne konas ĝin. Mi estas ĝia amanto. Neniu amanto konas sian idealon. La amo faras nin blindaj. Tutanime mi ĉirkaŭprenas la urbon, per infanokuloj admiras ĉiun ŝtonon kaj ĉiun loĝanton de ĝi kaj la necesa objektiveco de la raporto dronas en la larmoj de la rememoriĝo. Kion mi povus rakonti al tiu, kiu neniam vidis Parizon, aŭ kiu pasigis ok tagojn inter ĝiaj muroj? Tre multon, sed vane, ĉar la priskribo gvidlibromaniere ne donas la guston, kaj sen gusto eĉ la plej bela priskribo ŝajnas anemia vortotorento. Parizo estas kiel la rubena vino de Bordeaux. Estas necese gustumi por laŭvalore taksi ĝin. Sed post la trinko ne ekzistas tia elokventeco, kiu povus senteble priskribi la guston. Sidante en la aŭtobuso la vizitanto nur rigardas, sed ne vidas Parizon. Tiu ĉi admirinda urbo montras sin nur al tiu, kiu post la inspektado de la palacoj kaj historiaj konstruaĵoj haltas ĉe la bordo de la Seine aŭ sur iu bulvardo kaj boras sian rigardon en la pulsanta vivo, konatiĝas kun la ŝajna indiferenteco, maskanta profundan komprenon por ĉiu homa malforto. Iom post iom oni rimarkas strangan metamorfozon. La observanto fariĝos amanto de la urbo, fariĝas pli tolerema al siaj homaj gefratoj, poste li konstatas sian nepriskribeblan amon al la urbo. Kial li amas ĝin, li ne scias, sed li sentas profundan simpation al ĉiu ŝtono ĝia, al ĝiaj lukso kaj mizero, al ĉiu loĝanto. Kial? Eble pro tio, ĉar ĉio ĉi apartenas al la urbo, kies atmosfero spiras sonĝovivon al li: la sonĝovivon de la libereco. Fine iun tagon li ekkonscias pri tio, ke la urbo estas *lia* urbo kaj li havas lokan patriotismon, fariĝas franco eĉ sen scio de la lingvo mem. Jen Parizo... Pri ĝi ne deziru raporton de ĝia amanto! Aĉetu gvidlibron por havi almenaŭ tian bildon, kian vi povas havi pri la koloro de la Bordeaux-a vino rigardante ĝin tra la montra fenestro de vendejo.

»*Vi konas la parizanojn*«... Nu, ne tre, nur iomete. Mi konas precipe miajn geamikojn kaj gelernintojn, sed por skribi pri ili mi bezonus la plenan amplekson de la gazeto kaj tre verŝajne eĉ tiam mi ne estus kontentigita. Ili restis tro vivaj en mia memoro por paroli pri ili sen emocio, sen mencio de bagatelaj okazintaĵoj. Kun dankplena respekto kaj sincera simpatio mi amas ilin. Kiamaniere mi povus skribi pri tiuj, al kiuj ligas min subjektiva sento? Mi vidas ilin antaŭ mi sidantaj ĉe la longa tablaro. Raymond Schwartz, la ĉiama bonhumoro kaj kolega amiko, ridetas al mi kaj proponas glason da aperitivo. S-roj Bastien kaj Dubois diskutas kun mi pri projektoj reorganizaj. Sinjoro Marchand interesiĝas pri la bezonotaj objektoj dum la Ĉe-metodaj kursoj. Ĉarmaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj babilas pri la modo aŭ pri dimanĉaj ekskursoj. En la kadro de la pordo subite mi vidas aperi la blondan kapon de s-ro Newell. Li estas laca, sed bonhumora, ĉiam bonhumora. Kaj jen, ankaŭ s-ro Warnier alvenas por paroli pri kongresaj laboroj. Rideto petolas en liaj okuloj. Tie, en la angulo, amike kaj ŝerce disputadas s-roj Grenkamp kaj Linder pri Pol-Pomeranio. Babili pri ili mi povus, sed raporti... raporti ne, tute ne!

»*Vi partoprenis la kongreson mem*«... Mi devas esti sincera. Mi ne partoprenis, nur ĉeestis. Vagado el unu ĉambro en la alian, kurado de unu amiko al la alia ne signifas partoprenon. Mi klopodis renkonti miajn geamikojn, diverslandajn kaj jam de longe neviditajn, por longminuta konversacio kaj poste mi forkuris por adiaŭi de la urbo, de parizaj geamikoj. Estus senkonscience raporti pri io, kion mi ne vidis... Cetere la kongresoj similas unu al la alia. Naŭdeknaŭ procentoj de la partoprenantoj deziras nur amuzi sin. Ili estas tute pravaj. Preterlasi la plej taŭgan okazon estus sensence.

Kio okazas dum kongresoj? La popolo ja ne scias kion ĝi volas. Pli precize: ĝi volas nenion kaj precipe ne tion, kion oni faras en ĝiaj nomo kaj intereso. La reprezentantoj de la diversaj societoj nekonante la volon de la popolo volas tion, kion la centraj gvidantoj ne volas. La centro mem nekonante sian propran volon volas ĉion, nur ne tion, kion la reprezentantoj volas. Rezulto: ili kune faras tion, kion neniu volis: surpapere ili nuligas la ekziston de la kontrakto de Helsinki, de I. C. K. kaj de U. E. A., tamen tiamaniere, ke ĉio ĉi daŭre povas funkcii ĝis la Reorganiza Komitato surpaperigos tion, kion ĝi mem volas... Tamen oni povas konstati, ke dum la Pariza Kongreso oni faris *unu paŝon*. Ĉu antaŭen aŭ malantaŭen? La estonteco montros tion. Mi fidas la unuecan volon de la elektitaj »Sep Saĝuloj«, kiuj verŝajne sukcesos trovi la ĝustan vojon, tiun vojon, kiun la popolo mem elektus, se ĝi kapablus doni formon al sia volo, erar-



S-ro Citrom (li ŝajnas Oranĝ) kaj srino Helmi Dresen



S-ro Niŝimura amas la homaron



S-ro Kreuz post iom da manĝo

vaganta nun en cent direktoj. Sincere mi deziras plenan sukceson al tiuj, kiuj nun plenumas sian taskon respondecan je la intereso de la movado.

Tiom pri la kongreso. Kiu ne estas kontentigita, prenu la oficialajn raportojn, kiuj entenas la stenografitan vortbatalon.

Mi deziras paroli pri du programpunktoj de la kongreso; pri la teatra prezentado kaj pri la literatura vespero de L. M.

*KNOCK aŭ La Triumfo de Medicino*. Jen la titolo de la komedio de *Jules Romains*, la fama franca verkisto, kiu per sia persona ĉeesto honoris la prezentadon. La originalo havis tre grandan sukceson ne sole en Francujo, sed ankaŭ sur la scenejo de diversaj landoj. La esperantista publiko nur modere ĝuis la majstraĵon. Kial? Pro diversaj kaŭzoj. La teatra salono de la kongresejo havis tian akustikon, kiu malfaciligis la komprenon de la teksto kaj la stilecan ludon de la geaktoroj, kiuj konstante luktis kontraŭ la akustikaj malfacilaĵoj... La traduko estas korekta, eĉ tro korekta. Tiu ĉi korekteco kelkloke malhelpas la tujan komprenon kaj ofte kaŭzas apartan malfacilaĵon por la geaktoroj. En tiu ĉi korekteco dronis la plej bonaj spritaĵoj de la franca originalo. La sursceneja lingvo de modernaj komedioj devas respeguli la ĉiutagan esprimmanieron. Ĝi devas esti mallonga, enhavanta la kutiman esprimmanieron de la parolata lingvo. D-ro Pierre Corret plej konscience plenumis sian taskon kaj oni ne povas riproĉi lin pro la sursceneja tekniko. La bagatelajn ŝanĝojn estus devinta fari la krajono de la reĝisoro je la intereso de l' prezentado. Mi estas tute konvinkita, ke s-ro Gustave Cauwenberg la reĝisoro, volonte estus farinta tion, se li konus nian lingvon tiel kiel sian propran... La plimulto de la publiko malofte aŭdas esperantlingvajn prezentadojn, precipe tiajn, en kiuj havas gravan rolon *nur la teksto*. Jen la kaŭzo, kial la trialogo kvardekminuta en la unua akto kaj la longaj dialogoj de la tria akto ne trovis la meritita atenton. La dua akto, en kiu diversaj tipoj aperas kaj malaperas, vigle parolas kaj montras iaspecan okazaĵon, plene trafis la plaĉon de la publiko. Do, ĉe la elektado de la kongresa teatraĵo oni devas konsideri ankaŭ la guston de la publiko. Certe iu komedio de Molière aŭ iu moderna franca burleskaĵo estus akirinta pli bruan sukceson malgraŭ la malbona akustiko, ĉar oni estus vidintaj okazaĵojn, situacian komikon sur la scenejo. Por percepti nurtekstajn spritaĵojn, la oreloj de nia publiko ne estas ankoraŭ sufiĉe kulturitaj.

Pri la arta laboro de la geaktoroj mi povas paroli nur laŭde. La plimulto de la rolintoj estas la membroj da la Flandra Reĝa Teatro en Antwerpen. Willy Gauwenberg (Knock) prezentis bonege la figuron de la ĉefrolo, kies karaktero ĉiam pli kaj pli reliefiĝis en lia ludmaniero. Louis Belloy (D-ro Parpalaid) bone efikis per sia natura parolmaniero, kiu faris lian kreaĵon perfekta. Aleksandro Starke (La urba tamburisto) alportis la unuan ridekslopon per sia komikoriĉa ludo, S-ino De Vreker (La sinjorino nigre vestita) meritis plene la tondran aplaŭdon pri sia brila rolado. S-ino Loosveldt (La sinjorino viole vestita) per sia diskreta ludmaniero karakterize prezentis la avaran aristokratinon. Marcel Gauwenberg, Willem Condes. De Lieu; s-inoj Starke kaj Koch Darnault Godet en la epizodaj roloj partoprenis talente en la artplena prezentado de la teatraĵo, reĝisorita bonege kaj entuziasme de s-ro Gustave Cauwenberg.

*La literatura vespero de la Literatura Mondo*. Per la afabla helpo de la L. K. K. nia revuo aranĝis ĉi tiun vesperon en la teatra salono de la Kongresejo. Kun agrabla surprizo ni konstatis, ke la granda salono estis plenplena; ĉi tiu prezentado, kiel ankaŭ la antaŭjara en Krakovo, renkontis ĉe la kongresanoj ĝeneralan interesiĝon kaj simpation. Mi rememoras, ke antaŭ jaroj, en Nürnberg, en la unua periodo de nia revuo, malplenaj seĝoj oscedis antaŭ la scenejo de nia prezentado — kia ĝojiga ŝanĝo de tiam! Jes, ĝojiga, ĉar en ĝi mi vidas la signon de tio, ke nia publiko rekonis la grandan signifon, kiun la literaturo havas en nia movado. Nia publiko volas alproprigi tiun pli kaj pli grandan, pli kaj pli belan konstruaĵon, kiun la senlaca laboro de niaj verkistoj kreas sur la malnova Fundamento. Kaj en ĉi tiu paca sieĝo ilin ne plu malhelpas la alto de la etaĝoj kaj la granda nombro de la ŝtupoj.

Literatura Mondo ja havas du celojn. Unue, malkovri, instigi, laborigi, grupigi talentulojn por literatura kreado, due, krei legantaron kun tia lingva preteco, ke ĝi povu kompreni, taksi kaj ĝui la kreaĵojn de ĉi tiuj talentuloj. Ĉar tiu nova lingvotrezoro, kiun iliaj klopodoj produktas por fari Esperanton ne sole vivanta, sed ankaŭ triumfanta pri ĉiuj literaturaj pretendoj, havas valoron nur, se ĝi fariĝas *komuna* trezoro. Senfanfarone ni povas aserti, ke ni pasas ĉirilate sur la vojo de la progreso.

Kompreneble, la plenumo de ĉi tiu tasko estas pli facila, se nia publiko povas konatiĝi kun siaj verkistoj ne nur litere, sed ankaŭ persone. Jen kial ni aranĝis ĉi tiun Vesperon de Verkistoj, kaj jen kial ni ĝojas, ke nia publiko aprobis ĉi tiun aranĝon per amasa vizito.

Parolante pri nia programo, mi antaŭe konstatas, ke ĝi plaĉis; ĉiuj, kun kiuj mi parolis pri ĝi, laŭdis ĝin, ofte tre entuziasme. Poste, mi konfesas, ke ni mem ne estis pri ĝi kontentaj. Nu, ĝi ja certe enhavis multon valoran, mi ne kontestas, kiel mi kuraĝus ja kontraŭdiri al tiel multaj aplaŭdantoj. Sed ĝi estus multe pli vigla kun kelkaj scenoj kaj kantoj, precipe kantoj scenigitaj, kiuj estus donintaj al la seriozaj partoj



S-ro Kalocsay antaŭ ol perdiĝi en la Louvre



S-ro Warnier (la mastro observas sian gregon)



S-ro Merchant ne pensas pri organizo



Jean Forge apud la mistera blanka fantomo

multkoloran kaj varian kadron. Nu, ĉi tiu konfeso estas samtempe promeso por Kolonjo.

Ĉe la komenco de la Vespero, *K. Kalocsay* salutis la ĉeestantojn per kelkminuta parolado kaj li tuj sukcesis krei tiun intiman, varman atmosferon, kiu estas nepre necesa por tiaspecaj aranĝoj. La intima humoro konstante altiĝis dank' al la tikla seriozo de *Raymond Schwartz*, kiu sprite kaj tre basvoĉe anoncis ĉiun verkiston, dum la verkisto mem mire kaj kapskue aŭskultis malantaŭ la kurteno, kiel oni lin »karakterizas«. *Teo Jung*, la ĉefredaktoro de la Heroldo parolis pri Kolonjo, kongresurbo de la XXV. a, kaj la ŝercoj, per kiuj li spicis sian parolon, rulis tra la aŭskultantaro vastajn ondojn de rido. *Jean Forge* parolis pri la »heroaj« tempoj de nia literaturo, varmtone li pentris antaŭ ni la penan kaj pezan laboron de la Majstro. Kaj je la fino de sia parolado li prezentis la grandan surprizon: mallumiĝis la ĉambro, eksonis la himno malantaŭ la scenejo kaj sur malvolviĝinta ekrano staris antaŭ ni la Majstro mem, deklamanta »La Esperon«. La karaj, konataj trajtoj tie vibris vive antaŭ ni, kaj la impreso, kiun ĉi tiu apero de karmemora Mortinto faris, estis tiel granda, ke per unu fojo stariĝis la tuta aŭdantaro kaj kune kantis la himnon kortuŝite. Bone, ke sekvis paŭzo, neniu estus kuraĝinta prezenti ion post ĉi tiu grandimpresa sceno.

En la paŭzo ni intencis amuzi la publikon per gramofondiskoj de Mikaelo Sárossy, sed tiu punkto ne rikoltis atenton, eble neniu ĝin rimarkis.

Post la paŭzo leviĝis la antaŭkurteno, kaj en la scenejo, sur purpura fonkurteno, paradis per grandegaj arĝentaj literoj »Literatura Mondo« kaj la konata emblemo de nia revuo. Bele ĝi aspektis, ricevis longan aplaŭdon. Nun *N. Hovorka* deklamis sian originalan poemon, tre klare, tre varme, kun granda vervo. S. *Grenkamp-Kornfeld*, respondinte per sprita skermobato al la karakterizo de R. Schwartz, legis sian noveleton kaj fragmenton el la »Vortoj de Prof. Cart«. Sekvis *K. Kalocsay*; en lia prezento unue la *Vento* de *Verhaeren* trasiblis, ĝemis, trumpetis kaj hurlis super la kapo de la publiko, poste lia propra *Ezopa Fabelo* vekis ridon per sia neatendita fino. L. *Lejzerovicz* kaj L. N. *Newell* estis interpretataj de J. *Baghy*. Fine Dro *Olŝvanger* laŭtlegis parton el sia poemo, kies versoj revelaciis profundan filozofion.

La sinsekvaj aplaŭdoj, la dumpaŭza varma humoro de la publiko, la postvesperaj gratuloj (ne sen aŭtogrampeto), montras, ke ankaŭ tiu ĉi eta prezentado havis surprize grandan sukceson, ke nia publiko avidas la literaturon, en kiu ĝi sentas vere vivi nian lingvon. Kaj ĝi montris, ke por krei kaj pligrandigi ĉi tiun avidon, grandsignifa estas tia senpera interrilato de legantoj kaj verkistoj. Ni dankas pro la hanoro kaj deziras, ke en Kolonjo nia renkonto okazu same amike kaj intime kiel nun en Parizo. Bonan antaŭsignon ni jam havas. La Ferma Kunsido okazis en la sama salono, kie nia prezentado, la kongresa estraro sidis sur la scenejo, kaj super ĝi, grandlitere, kvazaŭ egido, arĝentis la grandlitera surskribo: *Literatura Mondo*. Kaj, se ni anstataŭas la literon M per R, mi kredas, ke tio estas ĝusta. La literaturo havas tiel grandan signifon por nia movado, ke la reva Familia Rondo devas esti ankaŭ Literatura Rondo.

*Noto de l' Redakcio:* La babilado de nia Baghy finiĝas jene: »Por esti fidela raportanto mi mencias, ke la verkinto de ĉi tiu artikolo rolis kvin minutojn sidante en la teatra prezentado »Knock« kaj dek minutojn starante en la Literatura Vespero.« Tiu ĉi la raporto estas tro vortavara. Baghy prezentis tre varme kaj intime la belan poemon de *Newell* pri Parizo, kaj rikoltis ĉambroskuan ridon per la Verda Biblio de *Lejzerowicz*. Poste, li kortuŝis per originala poemo kaj fine, kiel armeestro, li ekirigis en piedbrua marŝo ĉiujn ĉeestantojn por venki ĉiujn niajn malamikojn. Ĉi tiu estis la lasta punkto de la prezentado, kaj post ĝi la forirantoj certe sentis sub lia sugestia forto ankoraŭ longe ĉi tiun venkopretan marŝemon en la kruroj.

# Vojantaj pensoj

*I. Ebriiĝo estas stato de superlucido: oni perceptas eĉ la teroturnon.*

*

*II. Per korupto, oni kutimigas nin de la infanaĝoj, kiam la panjo donis al ni moneron, por ke ni trinku amaran medikamenton.*

*

*III. Ekzistas speco de parenco, kvankam nedifinita, tre ĝenanta kaj danĝera: la boamiko.*

*

*IV. Imperio malpli bezonas cezaron, ol cezaro imperion.*

*

*V. Ekonomian krizon karakterizas marĉand-avaro: Ju pli ricevi — des malpli doni.*

**M. Beraru**



Kvapil *Nudulino sur la sablo*

# LA MIRAKLO

**— KAN KIKUĈI —**

*Personoj:*

*Ŝukan*, knabo kun razita kapo.
*Oben*, knabino.
*Koo, Ocu, Hei, Tei*, junaj bonzoj.
Tempo — Nefiksita.
Loko — Monteta antaŭurbo de granda metropolo.

(*Scenejo: La interno de la Halo de Emma en la korto de granda templo. Nokto. La pala lunlumo konturas la grandan figuron de Emma, Sinjoro de Infero. De malproksime venas la sono de fluto miksite kun konfuzaj bruoj de la granda urbo.*

*Ŝukan, bela junulo en formo de bonzo, aspektanta, kvazaŭ li estus altiĝinta ĝis lia nuna pozicio el tiu de paĝio, ŝtele envenas tra la dekstra pordo kaj ĉirkaŭrigardas.*)

*Ŝukan.* Bedaŭre! Oben ne estas ĉi tie ankoraŭ, ĉu ne? Prefere mi do legu Sanktan Skribajon pli atente. Nenio helpas. Estos bone pasigi tempon kun sinjoro Emma, mi pensas. (*Eksidas sur la altan plankon apud Emma kaj mallaŭte tamburas per siaj kalkanoj sur la piedestala platajo. Post momento, li surpriziĝas de la sono de voĉoj proksimiĝantaj al la Halo kaj stariĝas sur la piedfingroj por vidi. Venas tri junaj bonzoj, Ocu, Hei kaj Tei, kaj Ŝukan rapide okulserĉas la lokon por sin kaŝi kaj fine kaŝiĝas malantaŭ la statuon de Emma, dum ili envenas tra la maldekstra pordo.*)

*Ocu.* Ĉu vi pensas, ke la afero iros bone?

*Tei.* Sendube, ĉar Rjookan faras tion.

*Hei.* Se li malsukcesos, ni devos enlitiĝi kviete hodiaŭ nokte.

*Ocu.* Estos bone, se malofte.

*Hei.* Sed mi promesis iri hodiaŭ nokte.

*Tei.* Tiel same ankaŭ mi.

*Hei.* Someja atendas min.

*Tei.* Ankaŭ min atendas iu.

*Ocu.* Ankaŭ min atendas iu.

*Hei.* Ni do ĉiuj devas iri.

*Ocu.* Mi timas, ke tiu Rjookan fuŝos la aferon.

*Tei.* Ne timu. Jam de longe li forĵetis la konsciencon. Li estas knabo, kiu rigardas la konsciencon kiel ĝenaĵon. Por li ŝtelo estas nenio. Li diras, ke la mondo, persekutanta la ŝteliston, estas malbona.

*Hei.* Jam baldaŭ li devas reveni.

*Ocu.* La ĉefbonzo, la junaj bonzoj kaj la paĝioj — ĉiuj ankoraŭ sidas, tial li nun eble devas havi malfacilan tempon.

*Koo* (*la kvara juna bonzo, envenas tra la dekstra pordo kaŝante ion en la maniko de sia robo*). Ja estis terure malfacila laboro. (*Elprenas orumiton budastatuon el sia robo kaj montras al la aliaj tri.*)

*Ocu.* Jen vi sukcesis, ĉu ne?

*Hei.* Ĉu sinjoro ĉefbonzo ne rimarkis?

*Tei.* Ĉu la paĝioj kaj subbonzoj ne rimarkis vin?

*Koo.* Eĉ se ni fandos ĝin, ni povos havi gajan tempon du tri fojojn dank' al ĝi.

*Ocu.* Neniel oni devas ĝin! Certe ĝi havigos al ni tridek rjoojn en tiu formo.

## Mortinto

**— Frigyes Karinthy —**

El la hungara: *K. Kalocsay.*

Vivanton per frukto regalas somero,
Per vino regalas la vintro
Sed scias mi, kiel mortinto sin nutras:
Per larmoj sin nutras mortinto.

Jes. Kuŝas mortinto sur fundo de tombo,
Kie estas nek frosto, nek varm',
Vizaĝ' lia flavas, okul' lia kavas,
Li kuŝas, atendas je larm'.

Kaj kuŝas, atendas: ĉu iu jam plendas,
Kaj kuŝas, atendas sub humo.
Nek dankon li konas, nek petas, nek donas,
Lin logas nek sun', nek lunlumo,

Nek memor' nek esper' nek fora pejzaĝo,
Nur la griza larmsuko, grandkvante.
Kiam krakas la branĉoj kaj zumas la arboj,
Kaj spasmas la gorĝo pulsante.

Kiam ŝmacas la tero, vekiĝas silento,
Sekiĝas la osto en kaŝo,
La osto, la kruda, atendas je l' nuda
Barakta, vivanta molaĵo.

Ĉar sciu: se kurbas la buŝo je ploro,
Li plezuras kun ĝoja ridaĉ',
Dum plor' ne forgesu sub molaj vizaĝoj
Pri l' rid' malica de l' ostovizaĝ'.

Ho, kiom mi ploris! Jam tede! Per larmoj
Mordiĝis la koro en brust',
Kiel la supraĵo de olda kupraĵo
Per pigra verdaĵo de rust'.

Mi ploris, kie neniu min vidis,
En aĉaj, malpuraj anguloj,
Ĉar naŭzas ja min kaj abomenigas
Poltrona ploraĉ' de l' okuloj.

Sed se vi pli volas, nur signu, mortinto,
Ne ĉesis festeno, plu daŭras regal',
Se sekos okule la akvo, mi donos
Ja sangon kaj salon, aceton kun gal'.

Disfluos mi larme, sorbiĝos en teron,
Se tion vi volas, mortinto,
El ter' mi vin lavos, el ter' vin elfosos,
Elvolvos mi vin el tol-vindo,

Kaj kun vi ekiros la larmo-rivero,
Ekŝvelos malpure la flu',
Tra l' mur' kaj tombar' la rivero sovaĝa
Inundos, galopos ĝi plu.

Denove diluvo englutu la teron,
Ne restu insulo sen mergo,
Kaj supre de l' akvoj, sur ŝaŭmo de l' akvoj
Arke' de Noah': via ĉerko!

Mortint', ho mortint', vi, patrin' amatin',
Edzino, infano, homfrato!
Elpaŝu el barko kaj sendu mesaĝon,
Kiam bordos vi sur Ararato.

---

*Koo.* Denove al Ŝimaŝoo hodiaŭ nokte, ĉu ne? Tie ni povas fari gajon tute laŭ nia maniero.

*Hei.* Sed ni revenu iom pli frue hodiaŭ nokte. Ni ne devas lasi, ke la ĉefbonzo suspektu kiel la lastan fojon. Li ankoraŭ scias, kiel peli sian konsciencon rilate al alies konduto.

*Tei.* Sensencaĵo! Kion li povus fari al ni? Por virino li fordonis Haramita-Kjoo'n propramane skribitan de Sankta Kooboo Daiŝi. Se ni malkaŝus tion, li mem ne povus resti en la templo.

*Ocu.* Mi ne sciis, ke li faris eĉ tian aferon.

*Tei.* Tio estas nenio; la virinoj, kiuj venas kaj diras, ke ili estas liaj nevinoj en mondeca rilato, se ni pripensas, estas ja suspektindaj.

*Hei.* Ni do ĉiuj kaj eĉ la ĉefbonzo putras.

*Tei.* Ne nur ni homoj. La Budaoj. La ĉefbonzo mem rompas la malpermeson kontraŭ virino. La bonzoj kaj subbonzoj pensas pri nenio, krom proprigi al si la ofermonon. Ni nia-parte vizitadas al Mijagaŭaĉoo kaj Hanaĵimaĉoo. La ekspaĝio Ŝukan rendevuas kun Oben sekrete. Sed la majesta ĉefbudao povas fari nenion. Li ne povas puni eĉ unu aferon. Ŝukan blovestingas la sanktajn lampojn por la ĵus kisinta buŝo.

*Hei.* Ni legas Sanktan Skribaĵon transsaltante de fino al fino.

*Tei.* Homoj malboniĝas, ĉar Budaoj malboniĝas unue.

*Koo.* Ne, ne estas tiel. Ĉar homoj malboniĝas, Budaoj malboniĝas post ili. En la pasintaj tagoj, kiam la homoj estis justaj, tiuj Budaoj estis ĉiuj vivaj.

*Tei.* Ĉiuokaze rigardu tiun ĉi Sanktan Emma. Kvankam ni ŝtelis statuon kaj nun forvendos ĝin, tamen li povas fari nenion.

*Hei.* Sed li havas sufiĉe teruran vizaĝon, ĉu ne?

*Tei.* Estis tempo, kiam, nur pro la vizaĝo terura, la homoj timis lin. Estis tempo, kiam la homoj kredis lin nur pro la oraj radioj. Sed hodiaŭ la homoj estas aliaj; ili iom post iom kutimiĝis al lia terura vizaĝo. Ili tute ĉesis senti ion ajn pro la eksteraĵo sola.

*Ocu.* Estas vere. Kiuj timas lin, estas nur la infanoj sur la dorso de maljunulinoj. De kiam oni eksciis, ke tiu granda korpo estas simpla timigilo por teruri homojn, ĝi fariĝis tute sentaŭga.

*Hei.* Jam devas esti ĉirkaŭ la sepa; ĉu ni nun ekiru? Eble ili estus lacaj de atendado.

*Ocu (mokeme, kiam li iras proksimen antaŭ Sankta Emma).* Ni estas homoj kulpaj pri ŝtelo, diboĉo kaj mensogo. Sankta Emma, kiam ni iros en Inferon, estu al ni indulgema pro nia intimeco, mi petegas. *(Ridas. La aliaj ridas kun li, kaj tiam li parolas iom dramece.)* Se mi faras peton tiamaniere, ni povas fari ian ajn malbonaĵon laŭ nia volo. Nu, ni ekiru. Ĉu ni drinku en iu drinkejo, he?

*Koo.* Bone.

*Tei.* Do ni nun ekiru.

*Hei (okaze rigardante returne al la vizaĝo de Emma, kiam li ekiras post ili).* Ho, ĝuste nun la okuloj de Sankta Emma ŝajnis ekbrili.

*Koo, Ocu* kaj *Tei (iom surprizite, sed rapide redonante al si trankvilon).* Kiam sensencaĵon vi diras?!

*(Hei fikse rigardas al Emma senvorte.)*

*Ocu.* Prefere ol en drinkejo, ni drinku sekrete ĉe Umegen ekster la malantaŭa pordo. Tie ni povas pagi poste.

*Koo.* Estas bona ideo.

*Hei.* Do ni iru al Umegen.

*Tei.* Konsentite.

*Ocu.* Venu do.

# GEFRATOJ KUNIGU LA MANOJN!

**— Nikolao Hovorka —**

*Tamburoj tamburas, trumpetoj proklamas:*
*»Milito, milito, milito ekflamas.«*

*Pri tempoj heroaj tamburoj tamburas;*
*Ekaŭdas la knaboj, aŭskulti alkuras.*

*Aŭskultas volonte virinoj kaj viroj*
*Rakontojn pri venko kaj gloraj aspiroj.*

*Jam marŝas la knaboj, trumpetoj trumpetas,*
*Knabinoj al ili rozflorojn disjetas.*

*Tamburoj tamburas: »aperis espero«;*
*Trumpetoj trumpetas: »finiĝos mizero.«*

*Allogas promesoj, allogas la pompo*
*Muziko, marŝado, minacoj kaj trompo:*

*»Se mankas al vi depost longe laboro,*
*Batalu, militu, kompensos vin gloro!*

*Malsatas edzino, malsatas infano?*
*Militu kaj venku, abundos la pano!*

*Vi volas feliĉon, vivĝojon kaj ĝuon?*
*Batalu kuraĝe, ne timu detruon!*

*Vin venĝu kaj viajn sopirojn! Frakasu*
*Kun ĝojo kaj ĝu'! Malamikojn mortĉasu!*

*Demandu neniam, ĉu homo ĉu kato,*
*Demandu nur ĉiam, ĉu trafis la bato!*

*Kaj se vi la estron fidele obeis,*
*Jen, kiam l' amas' malamika pereis,*

*Per vi realiĝos en sanga ebrio*
*De l' superhomaro la grandimperio.«*

*Tamburoj tamburas la mortaventuron,*
*Barbaroj minacas la mondan kulturon.*

*Amikoj vekiĝu el sonĝoj kaj dormo*
*Ho ĉesu vortludi pri normo kaj formo!*

*Ho ĉesu apogi vin sur iluzioj,*
*Disiĝi doktrine en pompaj partioj!*

*Ĉar dum vi pri ĝustaj komprenoj diskutas,*
*Satano jam vian proprajon englutas.*

*Aŭskultu kaj aŭdu: tamburoj tamburas,*
*Trumpetoj trumpetas, barbaroj alkuras.*

*Ĉu vi jam forgesis pri ĉia teruro*
*De l' lasta tutmonda militaventuro?!*

*Ĉu vi jam forgesis la tombojn militajn,*
*La sangon verŝitan, la larmojn ploritajn,*

*Vidvinojn kaj orfojn, blindulojn, kriplulojn,*
*Malsaton, malsanojn, detruon kaj brulojn,*

*Diboĉon, maljuston, senhoman perforton,*
*Mortigajn maŝinojn, blasfemojn kaj morton?*

*Jen: ĉio ĉi estis nur ludaventuro*
*Kompare kun nova milita teruro.*

*Popoloj pereos kaj ne plu nur homoj,*
*Kaj landoj pereos, ne urboj kaj domoj.*

*La tero estiĝos homar-kalvario:*
*Nur estos kadavroj, jen unu partio.*

*Se restos vivanta somerpapilio,*
*Ĝi povos priplori la teron ĉe Dio.*

*Amikoj, vekiĝu el sonĝoj kaj dormo!*
*Ho ĉesu vortludi pri normo kaj formo,*

*Doktrine diskuti infaniluziojn,*
*Partigi, disigi la sav-energiojn!*

*Amikoj, gefratoj kunigu la manojn,*
*Forigu fantomojn, forpelu tiranojn!*

*»Eĉ guto malgranda traboras la monton.«*
*Kuniĝu, komune ni savos la mondon.*

*Konscia kaj klara kaj tre difinita,*
*Ĝi estas la bazo komunelektita:*

*Egal'a jus'eco, spirita libero,*
*Laboro kaj pano por ĉiuj sur tero,*

*Liberedukita la homkonscienco,*
*Spirita batalo, spirita potenco.*

*La bazon vi savu por firma konstruo*
*De nova mondord' el milita detruo.*

*Aŭskultu kaj aŭdu, tamburoj tamburas,*
*Trumpetoj trumpetas, barbaroj alkuras.*

*Kunigu la manojn, forĵetu fantomojn,*
*Ni savu la mondon, ni savu la homojn*

*L' espero, l' obstino kaj la pacienco*
*Jen estas la signoj, per kies potenco*

*Ni paŝo post paŝ', en laboro sen laco*
*Atingos la lumon en gloro kaj paco.*

**La poeto, membro de la Reorganiza Komitato, rikoltis per sia supra poemo deklamita eble la plej grandan sukceson de nia Literatura Vespero en Parizo.**

---

*Hei.* Venu do.

*Koo (subite rimarkante la statuon en la mano).* Se ni iras al Umegen, tio ĉi estos ĝena.

*Ocu.* Ni do povas poste reveni por ĝi. Kaŝu ĝin ie proksime.

*Koo.* Ĉu oni ne trovos ĝin?

*Tei.* Mi kaŝos ĝin en bona loko. Ĉiuj rigardu! *(Prenas la statuon de Koo kaj enpuŝas ĝin en la buŝon de Emma.)* Tio ĉi estas fama skulptaĵo kun kavo, tial estas nenio en la ventro. Se ni metas ĝin ĉi tie, eĉ Sankta Gaŭtamo ne scios pri tio.

*Hei.* La aktoro Kogenji Joŝizaŭa iam legis tian linion.

*Koo.* Ni do iru.

*Tei.* Ni ekiru.

*Hei.* Ni ekiru. *(Kiam li iras du aŭ tri paŝojn.)* Kiam mi iom rigardas returne tiamaniere li havas teruran vizaĝon malgraŭ ĉio, ĉu ne?

*Tei.* Kiom ajn terura estas lia vizaĝo, se ni ludas per li tiamaniere, li estas senvalora. *(Ridas.)*

*(Ili foriras kune. La juna Ŝukan elmetas sian kapon el sub la brako de Emma.)*

*Ŝukan.* Jen estas friponoj. Sed mi mem ne estas bonulo miaflanke. Mi kaŝos min ĉi tie ĝis Oben venos.

*(Por momento ĉio estas silenta. La knabino, Oben, bela kaj ĉarma eĉ en la mallumo, envenas ŝtele tra la maldekstra pordo. Ankaŭ tiu ĉi knabino rigardas trankvile ĉirkaŭ si, kvazaŭ ŝi neniom timus Emma'n. Fine ŝi malfermas la dekstran pordon iomete kaj enrigardas al la ĉefhalo.)*

*Ŝukan.* Obenjo! *(La knabino surprizite provas forkuri.)* Estas mi. Estas Ŝukan. *(Sa'tas sur la plankon.)*

*Oben (iom volupteme).* Ho, vi surprizis min. Malica vi estas; mi pensis, ke min vokis Sankta Emma.

*Ŝukan.* Se vi prenas min por Sankta Emma, ĉio

estas finita. Sed eĉ mi mem konsideras min kiel pli bonan ol Sankta Emma.

*Oben*. Kvankam via vizaĝo estas bela, ĉu vi ne estas pli malbona ol Sankta Emma en la rolo, kaptante kaj formanĝante la homojn kvazaŭ mortintajn de amo?

*Ŝukan*. Ĉar mi hodiaŭ nokte vidis vin post longa tempo, ni ĉesu ĵeti malicajn vortojn inter nin kaj parolu pri nia amasiĝinta amo. Vi venis absurde malfrue, ĉu ne?

*Oben*. Patrino iris al la teatro en Kimiŭakamaĉi kaj revenis terure malfrue.

*Ŝukan*. Ĉiuokaze, mi ĝojas, ke vi estas ĉi tie.

*Oben*. Ĉu mi povus ne veni? Vi vidis la leteron, en kiun mi enfermis la ofermonon kaj lasis hireaŭ, ĉu ne?

*Ŝukan*. De nun vi devas ĉesigi tiajn riskajn ruzaĵojn.

*Oben*. Ne riskaj tamen. La ĉefbonzo ŝatas vin kaj vi traktas la tutan ofermonon. Eĉ se ĉio estus malkovrita kaj vi estus forpelita de la templo, mi nur povas preni vin al mia domo kaj karesi vin.

*Ŝukan*. Sed mi ne konsentos forlasi la templon. Vi iam vidos, ke ĉi tiu granda templo Ĉitokuin estos mia.

*Oben*. Naiva, vi estas naiva. Kiu povus aŭskulti serioze tion, kion la ĉefbonzo diris por amuzi vin, kiam vi estis malgranda paĝio?

*Ŝukan*. Atendu Oben. Ne taksu min tro facile. Estas vere, ke mi estas bonzo kun razita kapo, sed la ĉefbonzo estas ĝuste kiel pupo en mia mano. Observu min, ĉar mi baldaŭ montros al vi, kiel mi regas la tutan Ĉitokuin eĉ malsupre ĝis la polvo sub la vestiblo.

*Oben*. Naivulo! Se tia homo kiel vi fariĝos la ĉefo, Ĉitokuin estos en bonega stato.

*Ŝukan*. Sensencaĵo! Ĝi ne povas fariĝi pli malbona ol ĝi nun estas. Vi vidis kolorpresaĵon, kiun mi donis al vi antaŭ nelonge, ĉu ne? La ĉefbonzo sin amuzas rigardante tiajn bildojn.

*Oben*. Dio!

*Ŝukan*. Ĝi plaĉis ankaŭ al vi, ĉu ne?

*Oben*. Kompreneble jes. Mi portas ĝin ĉebruste. *(Elprenas la bildon el sia brusto.)* Io sur tiu ĉi junulino rememorigas vin. Io sur la flanko de ŝia nazo kaj buŝo rememorigas vin.

*Ŝukan*. Tiu ĉi, knabino, estas Tamanosuke Mineŝima de l' Jamamura Teatro en Nara, la plej granda dando en la tri provincoj.

*Oben*. Sed mi ŝatas vin pli multe.

*Ŝukan*. Tio estas komprenebla. Min, kiam mi estis dekunujara, petis la templo kaj Hiŝigane-no-Kongoo. La templo proponis dek rjoojn pli multe por mi, tial fine mi fariĝis razkapulo tiamaniere. Se mi surmetus la ĉapelon de katamito, mi ne estus venkita de l' tridekunu favoratoj de tiu ĉi urbego.

*Oben*. Vi parolas brave, ĉu ne?

*Ŝukan*. Dum mi ankoraŭ portis la harligon antaŭe, mi estis prikantata eĉ en kanteto kiel Hidenojoo de Ĉitokuin. Eĉ nun estas tre domaĝe, ke mi estas lokita por bruligi incenson.

*Oben*. Vi do neniam pensis sincere pri la aferoj de Budaoj, ĉu ne?



Roland Oudot *Afrodite*

*Ŝukan.* Kompreneble ne. Al tiuj, kiuj preĝas al Budaoj nur de tempo al tempo, ili povus ŝajni bonfarantaj, sed se iu prizorgas ilin matene kaj vespere kiel mi, tiu fine tediĝas kaj volas prefere rompi ilin en pecojn. Ĉar ili estas tuj apude ĉiutage, li sufiĉe sciiĝas, ke ili estas faritaj el ligno, kaj kiel ajn pene li provas pensi alie, li ne povas trovi ilin bonfarantaj. Bonzoj estas la plej malpiaj homoj en la mondo, mokante la Budaojn. La ĉefbonzo, eĉ ne ˡavante la buŝon post manĝado de kaviaro kun rizbrando, rekte sin turnas al la recitado de Sankta Skribajo. La junaj bonzoj iras al Hanaĵimamaĉi en ĉiu nokto. Verŝajne estas nur mi sola, kiu faras nenion.

*Oben.* Kaj vi ĉi tie faras amrendevuon kun mi tiamaniere, ĉu ne?

*Ŝukan.* Sensencaĵo! Mia peko estas kiel nenio. Krom la konkubulino, la ĉefbonzo havas kelkajn virinojn, kiujn li nomas siaj nevinoj. Kiam li purigas la ĉefstatuon, li traktas ĝin kiel pecon da ligno. Li ĉiam plendas, ke ne venas enterigpetoj. Li diras kutime, ke li deziras morton al la maljunulo de Naraja. Tio estas, ĉar la maljunulo promesis kontribuon de mil rjooj por havi la mezon por si eterne. Se ni turnas nin al la junaj bonzoj, ili estas duoble pli malbonaj. Hodiaŭ ili ŝtelis la sanktan trezorstatuon de Seiŝi Bosacu kaj intencas vendi ĝin por kovri la elspezon en Hanaĵimamaĉi. Kaj ĉu vi povas kredi, se mi diros, ke ili kaŝis ĝin en la ventron de Sankta Emma? Pro la aferoj irantaj tiamaniere, la mondo pereos en malbonaj tagoj, ĉar la rigardego de la Reĝo de Infero havas neniom da efekto. *(Iras al Emma kaj karesas lian vangon.)* Vi vere devas doni al vi pli da streĉo, ĉu ne, sinjoro Emma?

*Oben.* Mi ne ŝatas, ke vi iras al li tiel proksimen. Oni diras, ke li amas junulojn.

*Ŝukan.* Mi memoras, ke mi iam legis tian rakonton en iu legolibro. Sed kiel li povus amindumi per tia vizaĝo? Ni du pare montru al li nian amon. Ĉu ne, sinjoro Emma? *(Denove karesas la vizaĝon de Emma moke.)*

*Oben.* Sed ĉu vi neniom sentas timon de Sankta Emma?

*Ŝukan.* Kial?

*Oben.* Mi ne timas lin kutime, sed kiam mi profundiĝas en amon kun vi kaj okaze ekrigardas lian vizaĝon, mi ofte sentas froston sur la dorso.

*Ŝukan.* Tio neniam okazas al mi. Ni estas tre intimaj, jam de kiam mi estis dekunu aŭ dekdu. Ĉu ne sinjoro Emma? *(Denove donas karesan frapeton al la vizaĝo de Emma.)* Mi ŝtelis oferkukojn kaj ĉiam alportis ĉi tien kaj manĝis ilin.

*Oben.* Mi dubas, ĉu Sankta Emma kaj la Budaoj efektive ne havas potencon por fari ion. Ĉar ili devas fari ion al tiuj, kiuj ŝtelas statuon.

*Ŝukan.* Kaj samtempe ili devas fari la samon ankaŭ al la fripono, kiu pekas kun virino antaŭ iliaj okuloj. *(Denove frapetas la vizaĝon de Emma.)*

*Oben (iom serioze).* He, vi devas ne tiel moki Sanktan Emma. Ĉu vi ne agas tro senbride?

*Ŝukan.* Kiu agas senbride? Kiam mi estis malgranda, ankaŭ mi pensis la Budaojn kaj Sanktan Emma tre grandaj, sed observante ĉion ĉiam, mi sciiĝis, ke ili estas tute senpotencaj. Kian ajn malbonaĵon faras la ĉefbonzo kaj la junaj bonzoj, ili povas fari nenion. Ĉar mi pensis, ke li estas trompanto, mi iam kraĉis prove sur la vizaĝon de Sankta Emma, sed nenia puno falis sur min. De tiam mi pensas pri li, kiel pri peco da ligno. Tio estas vero, ĉu ne Emma?

# Du sonetoj

— W. B. Johnson —

## I.

*Mallume griza tago pluvm:naca*
*Vesperon fruan falsis dum tagmezo,*
*Kaj eĉ la febran urbon ĝia pezo*
*Ŝajnigis somnambulo morte laca.*

*Sur strate la trafiko pruvis brue*
*Normalan vivon de la urbgiganto;*
*Sed kvazaŭ ĝojperdinta funebranto,*
*Rutinon sian sekvis ĝi enue.*

*Subite al la urbo venis lumo:*
*Penetris suno sian nubembuskon,*
*Venkante per heliga palpebrumo*
*La grizajn apation kaj krepuskon.*

*Ho, Suno mia, faru reaperon*
*Kaj pelu for tro fruan viv-vesperon!*

## II.

*Plezure mi atendis vin hodiaŭ,*
*Vagante sur perono stacidoma;*
*Ĉar tie regis sento varme homa —*
*»Bonvenon!«, oni kriis, kaj: »Adiaŭ!«*

*Okulojn delikate nebuligis*
*Disiĝo de amata foriranto,*
*Kaj amikaro, ĝoja pro renkonto,*
*Ke'kope siajn brakojn interligis.*

*Momente mi ekdubis pri l' sincero,*
*Trovinte ĝin ĉe homoj nekutima.*
*Tro ofte sub la ĉarmo de l' ekstero*
*Maskiĝas nur perfid' malgrandanima.*

*Sed ĝuste tiam venis vi, amiko, —*
*Forflugis dub', kaj mortis la ciniko!*

Vi estas nenio alia ol peco da ligno, ĉu ne? Kion vi diros? Se tio ofendas vin, faru kion ajn pro tio. He, Emma! Emĉjo! Eĉjo! *(Donas resonantan survangon al Emma.)*

*Oben.* Ho, mia kara! Ne agu tiel malpie.

*Ŝukan.* Sensencaĵo! Al tia aĵo jen tiamaniere! *(Levas la piedon kaj piedfrapas lian ventron.)*

*Oben (per iom panika voĉo).* Ĝuste nun la okuloj de Sankta Emma ŝajnis ekbrili.

*Ŝukan.* Malsaĝaĵo! Ĉu li estas kapabla je tia sprita artifiko? *(Donas al li alian piedfrapon.)*

*Oben.* Ho, kara. Jam vi devas ĉesi. Ial mi nun sentas min nervoza. Supozu, ke ekzistas Infero.

*Ŝukan.* Kiuj laboras kiel bonzoj, tiuj neniom havas kredon, ke ekzistas Infero. La Halo de Emma ĉe Ĉitokuin ŝuldas sian kontsruiĝon al la enviemo de la ĉefbonzo kiu vidis la rimarkindan prosperecon de la Emma ĉe la najbara templo Daiĵunĵi en servistaj libertagoj. En la fina analizo, li estas instrumento por elpremi la poŝmonon de komizetoj. Ĉu ne vere, Emĉjo! *(Donas al li alian fortan piedfrapon.)*

*Oben.* Jam ĉesu. Ial mi sentas froston kaj mi tremetas. Ha, rigardu! Ĉu vi ne vidas, ke la okuloj de Sankta Emma tiel brilas?

*Ŝukan (fine amuzite de la timo de Oben).* Sen-

sencaĵo! Tio estas de via nervozeco. Estas pli bone timi la vilan hundon en la strateto, ol timi tian aĵon. Ĝi povas okaze mordi vin.

*Oben.* Sed, kara, li aspektas pli terure ol kutime.

*Ŝukan.* Povas esti do, ke li havas kapdoloron pro mia piedfrapo tro ripetita. Ne, estas pli verŝajne, ke li havas ventrodoloron, ĉar li devis manĝi la statuon de Seiŝi Bosacu. Ĉu mi elprenu ĝin? (Iras sur la altan plankon de Emma kaj enmetante la manon profunde en la buŝon de Emma, serĉas la statuon.) De nun estu pli atenta kaj ne lasu vin uzi kiel kaŝejon de ŝtelaĵoj. Kun tiel granda trunko, vi estas tute malkuraĝa, ĉu ne? Ne estas sufiĉe por vi simple elpremi la poŝmonon de komizetoj. Hola! Ĝi estas en lia gorĝo kaj ne elvenas facile. Hola, Emĉjo! Malfermu la buŝon pli larĝe.

*Oben.* Kara, la okuloj de Sankta Emma ŝajnis ekbrili kaj moviĝi. Jam estu sufiĉe. Jen, ĉu vi ne vidas, kiel liaj okuloj brilas?

*Ŝukan (al Emma persiste).* Ŝajne vi ankoraŭ povas timigi nur virinojn, ĉu ne?

*Oben (kun la plej panika emocio).* Ho, liaj okuloj moviĝas refoje.

*Ŝukan (ankoraŭ persiste).* Malsaĝaĵo! Ho! Ĝi tute ne elvenas. Emĉjo! Malfermu la buŝon pli larĝe, mi diras. *(Fine elprenas la statuon de Seiŝi Bosacu.)* Ili faris teruran aferon, ĉu ne? Aŭskultu, karulino, tio ĉi estas la sankta statuo de Seiŝi Bosacu el pura oro, trezoro necesega al Ĉitokuin.

*Oben.* Vi tiel mokis Sanktan Emma, ke mi timas, ke li malbenos vin iamaniere.

*Ŝukan.* Ĉu vi supozas, ke li estas tiel sentema? Sed atendu! Kiel ajn mi pensas, estas damninde, ke tiu ĉi Seiŝi Bosacu ŝanĝiĝu en la kapitalon de junulaĉoj por iri al Hanaĵimamaĉi. Estus multe, multe pli bone por Ŝukan kaŝi ĝin ie sekrete, ol lasi al tiuj friponoj forvendi ĝin malkare. *(Parolante enmetas la statuon en sian bruston. Ĝuste tiam aŭdiĝas la junaj bonzoj revenantaj en ebrieto kantante baladon. Ŝukan konfuzite.)* Ho, ili revenis. Venu, Oben! Ni devas nin kaŝi.

*(Ili rapide sin kaŝas malantaŭ Emma. La junaj bonzoj. Koo, Ocu, Hei kaj Tei envenas.)*

*Koo.* Ha, mi sentas min agrable.

*Ocu.* Se ni iros nun, ni estos tie ĝustatempe.

*Hei.* Estos tre interese iri Naŭate-straton dum kantado.

*Koo.* Krome, ni havas monon abunde. *(Al Tei.)* Nu, elprenu la statuon.

*Tei.* Jes, bone. *(Iras al Emma kaj enmetas la manon en lian buŝon.)* He!

*Koo.* Kio estas?

*Tei.* Estas strange. Mi ne povas trovi ĝin facile.

*Koo.* Retiru vin. Kiel tia absurdaĵo povas esti? *(Prenas la lokon de Tei kaj serĉas profunde.)* Estas strange. Ĝi vere ne estas ĉi tie.

*Ocu.* Ŝajnas neeble, ke iu estis ĉi tie, ĉu ne?

*Hei (ŝajne iom frapite de paniko).* Strange. Ĝi ne povas malaperi en malpli ol unu horo, ĉu ne?

*Koo (ankoraŭ serĉante en la ventro de Emma).* Ĝi ne povas malaperi en tiu ĉi malgranda stomako, sed — *(Al Tei.)* Ĉu vi certe enmetis ĝin?

*Tei.* Certe! Ĉu vi ĉiuj ne vidis min?

*Hei (nun ŝajne en pli granda paniko).* Ĝi estas Cukehimo Emma de Ĉitokuin, formanĝinta infanojn en la pasinta tempo.

*Koo.* Kiel sensence vi parolas? *(Parolante retiriĝas de Emma timeme.)*

*Hei.* Jen, ĉu mi ne diris al vi? Mi diris al vi jam ĉe la komenco. Mi diris, ke ni neniel devas esti tiel malpiaj, ke ni tuŝu al Seiŝi Bosacu. Kiel la protektanta dio de la ĉefepiskopo Rjoonen, ĝi estas mirinde sankta statuo, tial mi pensis de la komenco, ke kiel ajn degenerinta la mondo estas nun, ni devas dece nin deteni de ĝi.

*Tei.* Rigardu! Rigardu la vizaĝon de Sankta Emma! Li aspektas terure. Mi ial sentas nekomforte.

*Koo.* Kiel sensence vi parolas!

*Hei.* Mi ial sentas frostotremon. Ho, eĉ sekundon mi ne volas resti en tia loko. *(Retiriĝinte ĝis la pordo, subite ekkuras en granda rapideco.)*

*Tei.* Ankaŭ mi sentas froston en la korpo. Permesu min antaŭiri.

*Ocu.* Malkuraĝuloj, vere! Sed ankaŭ mi rememoris aferon, kiu ne permesas min resti tie ĉi tiamaniere. *(Hezitas, sed subite forkuras.)*

*Koo.* Ili ĉiuj estas malkuraĝuloj, vere! Sed neniom mi utilas restante tie ĉi sola. *(Sekvas la aliajn forkurante.)*

*(Oben elrampas el malantaŭ Emma kaj estas forkuronta. Ŝukan kuraĝigante ŝin).*

*Ŝukan.* Pro kio vi timas? Ili estas facile kaj tute superruzitaj de mi.

*Oben.* Lasu min iri! Mi tremas kaj ne povas elporti. Kaj ial mi sentas teruron restante apud vi. *(Parolante forŝiras sin de la manoj de Ŝukan kaj forkuras.)*

*Ŝukan (restas sole).* Kia kolekto da malsaĝuloj! *(Ridegas. Tiam kvazaŭ subite sentante panikon, veninta al li kun la malplena eĥo de lia ridego.)* Ankaŭ mi ial sentas froston. *(Okaze rigardante la vizaĝon de*



Eisenschitz *Nudo*

# Grava eltrovo

— C. C. Caragiale —

Venis iun dimanĉon Diabĉjo al Dio kaj diris:

— Dio! Kial vi streĉas vian cerbon pro la homoj?.. Ĉu ne vidas via sankta moŝto, kiaj sentaŭguloj ili estas?.. Donu ilin fine al mi kaj liberiĝu de ili! Domaĝe pri la zorgo de via sankta moŝto: ili estas malbonanimaj kaj stultaj!

Sed Dio — li ne tro havis parolemon, tiun tagon — diris malafable:

— Malaperu de ĉi tie, nigrulo kaj ribelulo, ĉar mi ne volas aŭdi hodiaŭ, dimanĉe, tiajn akuzajn vortojn...

— Dio...

— Kiel ili povas esti stultaj, se mi faris ilin ĝuste laŭ mia figuro kaj aspekto?! Ha?

— Vi faris ilin laŭ la figuro, sed vi eraris pri ili ĉe la kapo, ne koleru via sankta moŝto.

— Silentu kaj malaperu, pesimisto! — diris Dio tre malmilde, — ke mi ne koleru!... Kial vi uzas mensogojn kaj kalumniojn kaj imagajojn viaspecajn?... Kiel ili estas stultaj?... mi ne vidas ilin stultaj!

— He! sankta moŝto, — diris Diabĉjo, — vi ne vidas ilin, ĉar vi ne tro iras de kelka tempo al ili, de kiam okazis al vi — sed min pardonu via sankta moŝto ke mi kuraĝas — tiu afero, hm... kiam ili malrespektis vin, estu respektata via sankta moŝto...

— Kiu afero — demandis Dio sulkigante la frunton kaj ŝajnigante ke li ne memoras, — aŭ, ĉu mi scias? eble li vere jam forgesis, ĉar, al Dio, kio ne estas ebla?

— He, kiu afero?... kun la du rabistoj... en la mezo... sur Golgoto, nu...

— Bone, bone, — diris Dio provante ŝanĝi la temon... — Vi... ĉu vi estis lastatempe tie, ĉe ili?

— Sed kie mi pasigadas mian tempon, mastro? Ĉe ili kaj kun ili; tage kaj nokte, senmanke: eĉ dum la dormo mi ne lasas ilin... Kiu edukas ilin? Kiu zorgas pri ili? Kiu instigas ilin al bonfaro? Sed se ili estas stultaj!... De kiam mi jam instruas ilin!? vane: ili estas stultaj.

— Bone, bone, — diris Sankta Petro, vidante ke Dio ĉagreniĝis, — ni scias kiel kleraĉa vi estas; sed Dio volas pruvojn, ne vortojn... Nu, ne plu konfuzu nin! foriru aŭ mi plilongigos viajn orelojn ankoraŭ iomete!

Kion faru la kompatinda Diabĉjo? Li foriris, ĉar li sciis, ke Sankta Petro ne ŝercas. Sed kion li diris al si mem enpense, la demono?

— Pruvojn vi deziras? Mi donos al vi ankaŭ pruvojn... tiel ke vi satiĝos.

Kaj li ekiris... kaj iris, ĝis li atingis germanan urbon, inter du grandaj kaj belaj riveroj, ĝuste okcidente. Kiam li volis eniri tra la pordego, jen li ekaŭdis la vesperan sonoradon.

Ektremegis Diabĉjo kaj haltis. Li tiel staris kun rondumita vosto kaj kun la ungegoj profundigitaj en la poŝo, ĝis tute, tute estingiĝis la lasta postsono de la sonoriloj.

Tiam li eniris mallaŭte-mallaŭtete en la urbon kaj tuj renkontis germanon kun barbo longa ĝis la talio.

— *Guten Abend!* — *Guten Abend!* — *Wie geht's? Wie steht's, Herr von Gutenberg?* (Jen, Diabĉjo konis la lingvon kaj la nomon de la homo).

Kaj... ili interamikiĝis kaj, tion-alion, alion-tion, ili iris en bierejon.

Kion ili interparolis tie, kion ili interkonsiliĝis, kion li flustris al la germano — Diabĉjo scias; sufiĉas diri ke la germano ne povis dormi la tutan nokton pro pensoj... Poste alian nokton kaj aliajn multajn same; ne povis la homo fermi la okulojn. Li cerbumis kun la ideoj kaj kun la planoj, li tordiĝis, li baraktis, li turmentiĝis ĝis li ekkomprenis kaj... kaj li finfine eltrovis la presarton.

— Poste... atentu, papero, ke vi ne ŝiriĝu! Preso kaj presado...

Komence ĝi funkciis, kiom bone ĝi funkciis, malrapide. Poste, kio pasas tra la cerbo de Diabĉjo? Li metas radon al la maŝino kaj kiam li vidas ke la rado rondiras malrapidete, jen li alĵetiĝas, li alkroĉas la voston al rad-radio kaj ĝi komencas rondiregon, ke ĝi knaras kaj ne plu estas videblaj la radradioj, kaj li sukcesas presi hodiaŭ 500.000 foliojn laŭ numero 12 pohore; li presas ilin, li numerumas ilin, li kunfaldas ilin, li algluas la adresojn kaj la poŝtmarkojn kaj, — rekte al la poŝtejo kaj poste al la fervojo, kaj tie ĉi Diabĉjo denove kun la vosto sur radradio, kaj veturas pohore sesdek kilometrojn kaj eĉ pli, pro rapidemo disdoni siajn bonaĵojn.

Kaj kion ekaŭdis foje Sankta Petro? Bruegon kaj skandalon de ĉe la pordego de la paradizo, ke oni povis pensi ke venas la barbaroj, ne alie: — fajfoj, raŭkoj, sonoroj, kaj kia fumo... Kio estas? Kio estas?

Estas Diabĉjo kun varvagonaro, ŝarĝita per ĉiuspecaj *Biblioj, Leĝaroj, Gazetoj, Revuoj malnovaj, Revuoj novaj*, kaj aliaj — ĉiujn li malŝarĝis kaj rekte al Dio kun ili. Diras Dio:

— Vi ree venis, malbonulo?

— Ree, Dio.

— Kio nova?

— Jen, Dio, mi venis kun tiuj ĉi paperoj; pruvojn vi postulis, pruvojn mi alportis. Rigardu nur! mi petas, Sankta Petro, prenu viajn okulvitrojn kaj rigardu...

Kaj komencis Diabĉjo montri al Dio kaj al Sankta Petro la aĵojn. Dio rigardas, la sankta apostolo rigardas, kaj komencis ambaŭ grati sin ĉe la barboj kaj interrigardi sin profunde per iliaj saĝecaj okuloj.

— Ĉu estas vere, Dio? — demandis Diabĉjo.

---

*Emma.)* Ĝi estas terura vizaĝo malgraŭ ĉio. Kiam mi restas sola ĉi tie, mi komencas tremeti. Mi ial sentas malkomforte. Do, ankaŭ mi forkuru. *(Estas forrapidonta, sed subite rememorante la statuon de Seiŝi Bosacu en sia brusto.)* Ha, kun tia afero mi sentas min pli malbone. *(Elprenas la statuon, metas ĝin zorgeme sur la genuojn de Emma kaj sin forpafas. Tiam Koo, Ocu, Hei kaj Tei revenas.)*

*Koo.* Jen, ĉu mi ne diris al vi? Ĉar Oben elkuris post ni, certe ŝi estis kun tiu Ŝukan en la Halo de Emma denove. Se ni kaptos lin, ni povos ekscii, kie nun estas Seiŝi Bosacu.

*Ocu.* Vi estas prava. Ni tute ne bezonas timi Sanktan Emma.

*(Ili iras proksimen al Emma kaj vidas la majestan kaj radiantan oran statuon de Seiŝi Bosacu sidanta trankvile sur siaj genuoj.)*

*Koo (surprizite).* Ha! Jen ĝi estas ĉi tie.

*Ocu.* Ho!

*Hei.* Jen ĝi estas.

*Tei.* Ĝi estas.

*Hei (kvazaŭ frapite de ia inspiro).* Estas mirinde. Ĝi sidas tie ĉi preta por kulto. Kia sankta figuro!

*(Koo, Ocu kaj Tei staras konsternite kaj silentas.)*

*Hei.* Ĝi faris tiun ĉi mirindaĵon por nin admoni pro nia renegateco. Mi definitive min reformos. *(Surgenuiĝas kaj adorkliniĝas.)*

*Tei.* Estas mirinde! Estas mirinde! Ankaŭ mi intencas for asi misagojn. *(Surgenuiĝas.)*

*(Koo kaj Ocu, duone kredante kaj duone dubante, sekvas ilian ekzemplon kaj surgenuiĝas.)*

(Kurteno)

El la japana: *Joŝisi Ŝimomura.*

Sed Dio ne respondis.

— Ĉu estas vere, Sankta Petro?

Sankta Petro... muta.

— Nu? Kion vi nun volas? demandis Dio.

— Ke vi donu ilin al mi, kiel estis la konsento.

— Do, prenu ilin fine kaj lasu min en paco! — diras Dio enue...

Diabĉjo volas foriri.

— Haltu! kien vi iras, malpurulo!

— Mi iras preni ilin.

— Kiel?... Kaj tiujn ĉi paperaĉojn al kiu vi lasas? Forprenu ilin kaj ne plu aperu kun tiaj stultaĵoj, ĉar mi ordonos al Petro detranĉi al vi la voston! Ĉu vi bone aŭdis?

Kiam aŭdis Diabĉjo tion, — li prenis rapideme la ajaron kaj cuŝt! per la sama vojo, revenis kun la vosto inter la piedoj.

Kaj tiel, li instruis al la homoj fari bibliotekojn kaj Naciajn Akademiojn, por ke la tempo ne povu detrui iliajn saĝecojn!

El la rumana: *Petre Firu.*

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

## Karikaturoj

### La propagandisto

*Li estas konstante ebria pro siaj ideoj. Li rifuzas manĝi viandon, naŭze turnas sin for de la fumantoj, kondamnas eĉ la biertrinkantojn je frua morto aŭ je mensa bankrotiĝo. Pro* naturamikeco *li havas nur sandalojn kaj obstine lasas hejme sian ĉapelon. Pro sia proleta mondpercepto li rifuzas la lukson de kolum- kaj kravatportado, sed por demonstracii pri sia neŭtralisma* interna ideo *li ne toleras la verdan stelon kun* ruĝa *kadro en la butontruo de sia jako. La ruĝa kadro estas politiko. Li estas membro de U. E. A. kaj de S. A. T. Li havas membrokartojn de I. K. U. E. kaj de U. H. A. Li estas samtempa aprobanto de pastro Andreo Ĉe kaj s-ro Robert Kreuz. Li havas provizon da elastaj argumentoj en la kapo kaj faskegon da diversaj presaĵoj en sia aktujo.*

*Al ŝovinistoj li parolas pri l' uzo de Esperanto dum la mondmilito en la germana propagando kaj avertas, ke la burĝa ideologio, baldaŭ falos se la amikoj de l' nuna mondordo cedas Esperanton kiel monopolon al la proletaro. Al pacifistoj li asertas, ke la germanoj estas venkitaj pro l' misuzo de Esperanto kaj Pan-Eŭropo aŭ U. Ŝ. E. ne estas atingebla sen tiu ĉi lingvo. Al klaskonsciaj laboristoj li proponas la lingvon el vidpunkto de internaciismo kaj promesas per ĝi baldaŭan faligon de l' kapitalismo. Al kapitalistoj li aŭguras nepran kaj centprocentan profiton per la enkonduko de la lingvo. Al katolikoj li predikas pri »Unu ŝafisto kaj unu ŝafejo«, en kiu la ŝafaro nur Esperanton blekante povos kompreni unu la alian, kaj li ne forgesas mencii, ke* malgraŭ tio, *ke »tiu« Zamenhof estis judo, tamen li havis krucifikson en sia laborĉambro laŭ aserto de E. Privat. Al protestantoj li montras la Biblion, kaj ĉe judoj li prisilentas la krucifikson kaj per memfarita genealogio li klopodas pruvi, ke la Majstro devenis rekte de reĝo Davido kaj pro tio ĉiu judo plenumas gentan devon lernante la lingvon.*

*La unuan fojon mi renkontis lin en kafejo. Por pli komforte observi lin, mi kaŝis mian verdan stelon. Li staris kaj parolis al siaj »disĉiploj«.*

*— Jes, karaj geamikaroj, mi estas la homo de la praktiko. Neniam mi lernis Esperanto el libron. Min ne interesiĝas la gramatikon, ĉar ĝi malfaciligas la uzado de la lingvon.*

*— Tuj oni povas konstati tion — rimarkis iu el la rondo de l' »geamikaroj«.*

*— Kial? Ĉu pri tiun malbenitan akuzativon? — li temperamente sin defendis. — La akuzativo ne gravas. La plej ĉefa estas la prektikkko kaj la interna ideo sen aŭ kun akuzativon... Mi volas raportiĝi pri miaj sukcesssoj. — Li prenis notlibreton el sia poŝo kaj laŭtlegis. — Sabate: algluo de du mil sigelmarkoj en ĉiu vagono de la subteraj fervojoj. Ok horojn mi laboris sub la tero. Elspezo nur 70 centimojn, kiuj vi redonos al mi el la propaganda kassso. Dimanĉe: mi partoprenis en ekskurson. Vestita en mia propaganda kostummmo kun la broditaj verdaj steloj kaj kun la surskribo »Lernu Esperanto!«, »Vivu Esperanton!« mi trabiciklis la urbo kaj la arbaro. Nepriskribebla sukcessso. Ĝis raŭkiĝo mi parolis kaj disdonis tri mil diversajn folioj kaj vendis eĉ du gramatikkkoj. Oni promesssis rigardi nin. Elspezo ne estis. Lunde: mi faris planon por mardo. Elspezo unu folio da skribpapero dek centimojn. Marde mi kontrolis la lunde farita plano kaj vespere mi vizitis la kunvenejon de la Verda koko, kie mi vendis dekkvin insignoj. La vendiĝo donas profito 20 frankoj al la propaganda kassso. Merkrede mi legis la leteroj, kiuj alvenis dum la lastajn tagojn. Terurrra laborrro. Multaj samideanoj uzas tiaj vortoj, kiuj mi ne renkontiĝas en mian prektikkkon. Zamenhof diris, ke la stilo estu simpla kaj komprenebla. Elspezo 5 frankoj por vortaron. Jaŭde: mi renkontis kun unu viro sur unu strato. Li demandis pri la verda stelo en mia jako. Poste mi eksciis, ke tio viro antaŭ taggoj liberiĝis el la malliberejo. Li estis viktimo de sia amikkko, kiu devigis lin ĉirkaŭbori kaj prirabi la monŝrankon de banko. Tuj venis al mi ideo: mi faros li esperantiston.*

*— Tio estas troigo! Finfine kio okazus, se ĉiu fripono, ĉarlatano kaj ŝtelisto lernus Esperanton? — Iu indignite demandis.*

*— Mi faris ankaŭ la sama demando al mi kaj mi trovis, ke ĉiu malutilo portas utiloj. Se la friponoj organiziĝos sin kaj lernos Esperanto, fine la polico devos akcepti nian karan lingvon kun la interna ideo. Jes, la interna ideo! Guste la friponoj bezonnnas ĝin. Kion diras la interna ideo? Amu unu la alia! Nu, nu, la friponoj amos unu la alia kaj amos ĉiun verdstelulo kaj Esper-*



Takanori Ogniss *Malnovaj domoj*

*anto fariĝos plej bona asekuro kontraŭ ili kaj ni savos la mondo per Esperanto. Vivu Esperanton!*

*— Vivu! Vivu! Vivu! — tondris la »geamikaroj«.*

*— Sen akuzativo — rimarkis obstinulo.*

*— Efektive estus pli oportune sen akuzativon, sed mi estas ĝisosta fundamentisto kaj min interesiĝas ne la lingvo, nur la praktikkko... Sed nun, karaj geamikaroj, ni kantu nian grupan himnon! Laŭte! Forte, kuraĝĝe! Elegante, por ke (ne porke!) la homoj sciu sur la strato, ke ni praktikkkas nia kara lingvon. Dum, unu... du... tri... Uf!*

*Ve-erda Ste-elo, ni-aa ce-elo,*
*Esta-as vi niiiia sort',*
*Esta-as vi niiiia sport'.*
*Trala lalala! Trala lalala!*
*So-o-onu la ka-a-anto!*
*Vivu do, vivu do, vivu do*
*E-e-e-espera-a-anto*
*kaj la »intern' ide'«!*

*Mi devas konfesi ke la efiko ne forestis. Ĉe la pordo baldaŭ granda amaso ĝuis ridetante la himnoblekadon de la »geamikaroj«. La duan strofon mi jam ne aŭskultis. Mi rifuĝis el la kafejo. Neniam plu mi miros pri fiasko de zorge preparitaj planoj. La »praktikkko« mortkantas ilin. La »praktikkon« ne interesas la gramatikaj reguloj, nek la riĉiĝo de la vortaro, nek la literatura evoluo. La »praktikkko« bezonas nur la »intern' ide'«-on kaj la broditajn verdajn stelojn, laŭeble eĉ sur la kalsono. Se Esperanto iam venkos, tio okazos spite al siaj »fervoraj propagandistoj«, kiuj nur praktikkkas kaj praktikkkas.*

*Ho, bonvolaj naivuloj, kredu al malnova proverbo: »Per tambursono oni ne kaptas paseron«.*

# DISKUTO

## PRI NEUTRA GRAMATIKA SEKSO.

> »Grandegan malfacilecon prezentas por la lernanto la memorado de la sekso de ĉiu substantivo en la naturaj lingvoj« — *Zamenhof.*

Ĉi suprajn vortojn mi trovas en la »Plena Vortaro de Esp.«, kiu ankaŭ samloke donas al ni ian eltirajon, nome:

> »Ekzistas tri gramatikaj seksoj, la vira, la ina, kaj la neŭtra, kiu apartenas al la senseksaj aferoj«.

La tria sekso, neŭtra, en la angla lingvo dividiĝas en »komuna« kaj »neŭtra«, sed efektive la »komuna« sekso estas absurdajo, kaj nur ekzistas ĉe hermafroditoj. Eĉ en pure gramatika signifo la »komuna« sekso estas neeblajo, krom ĉe pluralaj vortoj kiel »gepatroj«, »gebovoj« k. t. p. ne uzeblaj en singularo.

Sed, krom la »ge«-aj vortoj ekzistas en la esp-a literaturo tendenco uzi kun inseksa signifo vortojn, al kiuj oni ordinare atribuas gramatikan vort-sekson laŭ la kunteksto. Efektive, ĉi tiu tendenco kontraŭas la pure sciencan kaj logikan konstruon de nia lingvo.

Interesa ebla sekvo de la supre menciita tendenco estos, ke la situacio de la virinsekso gramatike fariĝas pli supera en Esp-o, ol en iu alia lingvo. Ni trovas, ke la malforta sekso rajtos uzi por si tiel la formon nun kutime uzitan por virsekso kiel ankaŭ sian propran inan. Antaŭ ne longe sinjoro E. ricevis leteron de amik(in)o, en kiu ŝi skribis:

»Mi estas anglo«.

»Jen«, diris Sinjoro E. al mi, »Jen la sekvo de tio, ke Asquith, Lloyd George kaj Bonar Law donis la voĉrajton al la virinoj«.

»Tute ne«, mi respondis, »Oni devas kulpigi Paul Bennemann«.

»Kiel??«

Mi montris al Sro. E. libron »Tra la Mondo« I., tiun klasike kompilitan legolibron de Paul Bennemann, kaj sur paĝo 69 mi indikis la sekvon:

»Ĉiu el la kaproj havis sian apartan malgrandan manĝujon, el kiu ĝi tiris fojnon aŭ trifolion, dum ni melkis ĝin«.

Sro. E. strabe rigardis min.

»Klarigu!«, li demandis.

»Eble la anglino, kiu estas ankaŭ anglo«, mi respondis, »aŭ la anglo, kiu estas ankaŭ anglino — ĉar verŝajne —«

»Daŭrigu«, mallonge ordonis E. malvarme.

»Nu, eble la anglino legis pri ĉi tiuj kaproj kiuj estas ankaŭ kaprinoj, kaj diris al si — ,Se Bennemann povas melki kapron, mi estas anglo'«.

»Vi estas kapro,« malĝentile diris sro E. kaj nia interparolo finiĝis.

*

En unu el la malsukcesintaj kaj mortintaj artefaritaj lingvoj la inventisto uzis finajon ,o' por vira, ,a' por ina, kaj ,e' por neŭtra substantivoj. Tia metodo estus ĝenajo. En tia lingvo (Novial de Jespersen) oni devus ĉiam elekti inter tri substantivaj formoj, — (1) amiko, (2) amika, kaj (3) amike, el kiuj (1) difinas viramikon, (2) amikinon, kaj (3) aŭ bestamikon (kiel hundo), aŭ birdamikon (kiel kanario) aŭ arbamikon (kiel kverko) aŭ viramikon aŭ amikinon aŭ hermafroditon. Efektive Novial fariĝus hermafrodita lingvo, kaj tre certe la deviga elekto inter tri formoj ne estus gajno. Zamenhof, tamen, donis al ni multe preferindan sistemon, kiu je la unua ekrigardeto ŝajnas ne tute logika, sed kiu, post ekzamenado, satigas ĉiun postulon de la rezono.

Kiam oni dubas pri iu punkto en Esp-a gramatiko, oni ĉiam sin turnu al la ununura regulo de vortkonstruado, t. e. »Neceso kaj Sufiĉo«. Ni uzu la minimumon, kiu estas sufiĉa difini nian signifon. Sed, por uzi ĉi tiun regulon, oni devas funde scii la radikon uzotan, kaj same estas pri la farado de sekshavaj vortoj. Nu, por funde scii radikon, estas devige elstudi esp-esp-an vortaron, de kiu ĝis nun ni havas »Kabe« kaj lastatempe, »Plena Vortaro de Esp-o« de S. A. T. Nek unu nek alia de ĉi tiuj vortaroj donas, ekzemple, difinon de l' radiko — ,angl-', kaj tial mi devas min turni al esp-angla vortaro de Millidge kaj mi trovas, ke li unue difinas »angla« kaj sekve mi konkludas, ke la radiko estas mem adjektiva, kiel ekzemple, ,bela', ,bona' etc., kaj tial »angla« en si ne havas sekson, sed nur difinas la econ de iu raso. Litero ,o' nur estas ,fleksio de la substantivo k. t. p.' (Kabe) kaj ne havas sekson. Tial ,anglo' (kunmetajo de »angl« kaj ,o'), ne havas gramatikan sekson. La logiko do tute pravigis la anglinon, ke ŝi skribu sin anglo.

Tamen, Millidge difinas ,anglo' kiel ,Englishman' t. e. viranglo. Ŝajne Millidge estas prava, sed ne kompleta, ĉar verŝajne la vorto ,anglo' difinas — »homo el raso angla«. Nu, homo*) estas difinita de Zamenhof en Genezo — »Dio kreis la homon, en formo de viro kaj virino kreis ilin«. Tial la vorto *homo* estas neŭtra, kaj, laŭ kunteksto, aŭ vira aŭ ina. Sekve ankaŭ logike la vorto *anglo,* laŭ kunteksto, difinas aŭ viranglon aŭ anglinon. Ankaŭ la vorto *angloj* difinas pli ol nur *geangloj. Geangloj* difinas anglojn de ambaŭ seksoj. *Angloj* mem ne difinas la sekson kaj povas esti — *virangloj, anglinoj,* aŭ *geangloj,* laŭ kunteksto.

Kutime la kunteksto montras sufiĉe klare la sekson kaj, laŭ la leĝo de neceso kaj sufiĉo, la listo de pure virseksaj radikoj prave povas esti tre mallonga.

Viro, patro, knabo, onklo, frato, filo, avo, edzo, vidvo.

Eĉ ,fianĉo' kaj ,amiko' laŭ la difino de Esp. Vort-

*) »Plena Vortaro« pri »virino« difinas jene: »Homino, kontraste kun *vir*homo«. Ankaŭ »Kabe« difinas »virino« kiel »homo« ktp.

# Vivraporto

— F. Szilágyi —

Jen antaŭ mi nun la Danubo,
Kaj blondas la matena ond',
Ne migras eĉ plej eta nubo
Sur varme blua horizont'.
Mi ekmeditas sur ferdeko
Pri l' propra sorto, monda peko,
Vortfluon naĝas plumo-ŝip',
Sed — gaja birdo pepas: *ĉip.*
La ŝip' min portas al Vieno,
Medit' min portus al pasint',
Sed — tie ridas verda pint'
Kaj flugas for la trista temo.
Ĉu tamen, malgraŭ multa plor',
Ankoraŭ ridas suna or'?

Intencis kanti mi alie,
Sed kaptis min la vivplezur'.
Riproĉe kaj melankolie
Ne eblas kanti sub lazur'.
Pejzaĝoj mildaj preterflankas,
Anser-makuloj borde blankas.
Min portas ŝip' kun mola lul',
Trankvile. For la vundo-brul'...
Sed halt'! Kun spita virdecido
Mi min devigas al promes':
Konfesi pri la viv'. Nu, jes:
Ne kiel grandbienulido,
Sed nur en tre modesta dom'
Naskiĝis mi, sen festa nom'.

Junaĝe mi ja panon havis,
Eĉ truajn ŝuojn sur pied',
Ludiloj fremdaj min tre ravis,
Mi sonĝis pri velociped',
Sed mia am' — platona restis,
Kaj ankaŭ poste, dum mi estis
Lernanto de la gimnazi',
Mi ĝuis nur en fantazi'.
Nun sekvis zorgoj: kie prenu
Gepatroj monon por la fil'.
Sopiris ĉiuj ni kun mil
Esperoj, ke la Tago venu.
Ĝi venis: mi al patra dom'
Fiere iris kun diplom'.

Nun skize: Mondmilit' kaj fine,
La Paco. Mi: bankoficist'.
La bankoj »ŝparas«. Mi: viktime
Paradas sur la »ŝpara list'«,
Por vagi en la mondo kriza.
Kaj — ruĝa strek' en vivo griza —
Nun sekvis sango el la pulm'.
Edzino. Par' sub sorta fulm',
Ne certe eĉ pri seka pano,
Laboron ne serĉante plu,
Ĉar ja domaĝe pri la ŝu',
Sen mono, sen esper', sen sano,
Sen ia ŝanc de bona nov':
Etburĝo — diras Nekrasov'.

---

aroj de Kabe kaj S. A. T. estas gramatike neŭtraseksaj.

Pri inaj radikoj, krom »in« mi trovis nur kelkajn: ‚Bajadero' (hinda dancistino), hetajro, matrono, nimfo, kaj eble pluaj specialaĵoj.

Sufiksoj — ‚ul', ‚an', ‚ist', ‚id', ankaŭ ‚anto' ‚ato' k. t. p. ĉiuj estas radike el neŭtra sekso. »Telefonisto« gramatike estas aŭ ina aŭ vira, sed kutime ‚ĝia' voĉo estas telefonistina.

Sed krom la logiko ekzistas la rezono, kiu estas influita de uzado kaj konveneco. En la nuna epoko kreiĝas esp.-a literaturo. Post unu centjaro la Voronofuloj inter ni juĝos, ĉu nia lingvo fariĝis radike senseksa, en kiu okazo niaj virposteuloj eble devos skribi ‚virpatro', ‚vironklo' k. t. p. por aserti sian sekson, ĝuste kiel nun la virinoj devas uzi la formon ‚in' por sin aserti. Dumtempe mi pli preferus ‚anglino' kaj ‚kaprino' ol ‚anglo' kaj ‚kapro', eĉ se la aldonita ‚in' peketas kontraŭ la leĝo de sufiĉeco, kaj eĉ se la kunteksto montras, ke la ina sekso estas jam difinita.

*Pan Loti.*

P. S. Post longa pensado mia Sinjoro E. reskribis al sia amik(in)o:

»Se vi volas esti enskribita inter la nevirinaj virinoj, kaj nur rilatiĝi je neviraj viroj, vi plu skribos, ‚Mi estas anglo'. Sed se inter ni, kiuj estas viraj viroj, vi volas resti kiel virina virino, skribu: ‚Mi estas anglino'«.

Viramike via: *E. E.*

PPS. Mi sekrete aldonis subskribon al la letero, jene: — »Sro. E.... estas junulo kiu similas al Bernard Shaw nur en tio, ke li tute ne komprenas la virinojn.«



# OBSERVO

KAN KIKUĈI.

Kan Kikuĉi, la aŭtoro de la samnumere publikita »La Miraklo«, naskiĝis en Takamacu, malgranda kastelurbo sur la insulo de Ŝikoku, en la dudek-dua jaro de Meiji (1889). Li estis studento de la Kiota Imperia Universitato, studante anglan literaturon. Post la akiro de la diplomo li laboris dum kelka tempo kiel ĵurnalraportisto kaj fine konstruis sian vivon kiel literaturisto. Liaj publikitaj verkoj ampleksas kelkajn longajn novelojn, multajn kolektojn de mallongaj rakontoj kaj skizoj kaj tri volumojn de kolektitaj teatraĵoj. Li nun loĝas en Tokio.

Studento de angla literaturo, Kikuĉi estas influita, oni diras, plejparte de Shaw kaj Galsworthy. Li akiris reputacion per siaj historiaj noveloj, en kiuj sin trovas lia propra humaneco. Elprovante sian plumon en ĉio ajn krom poezio, kiel materialon li uzas rakontojn same el la pasintaj tagoj kiel el sia propra sperto. Nek idealisto nek moralisto li estas ekzakte, li estas homo kun edukita konscienco kaj sana vivpercepto.

Li rigardas sian profesion tre alta kaj pretendas dignan respekton en lando, kie la verkisto suferas pro historiaj antaŭjuĝoj. Salutate en iu kunveno de virinoj antaŭ kelkaj jaroj, Kikuĉi pledis por la valoro kaj kultura kaj eduka merito de la literaturo kaj uzis iom fortajn vortojn pri la lando, kiu ne rekonas siajn verk-

istojn. Li demandis, kie en la tuta Japanujo eĉ unu strato portas la nomon de Ĉikamacu, granda dramverkisto de la Tokugaŭa epoko. Tio estas interesa demando, kvankam ĝi ne nepre pruvas la mankon de takskapablo pri tiu literatura geniulo flanke de liaj samlandanoj. Sed rakonteto, kiun li aldonis, montras en ia senco, kiel la oficialuloj pensas pri la nuntempaj japanaj novelistoj. Kiam antaŭ kelkaj jaroj eksterlanda kortega vizitanto estis en Tokio, la magistrato aranĝis grandan akcepton por lia honoro kaj invitis al ĝi efektive ĉiujn famulojn de la urbo, inter kiuj, tamen, sin ne trovis eĉ unu novelisto. Tiam, demandis Kikuĉi mokeme, se la honora gasto turnus sin al komitatano kaj petus montri la plej grandan japanan noveliston, kion oni farus? Ĉu oni klarigus, ke en Tokio neniu novelisto meritas la honoron esti invitata? En neniu granda urbo de la mondo, Kikuĉi konkludis, tio povus okazi.

»La Miraklo« estas farso, faranta tamen tre efikan scenon. La templo kun la kruelaspekta Dio de Infero, *Jamo*, kiun la japanoj nomas *Emma*, malame rigardanta la ludeman junulon *Ŝukan* kaj la aliajn kaprazitajn junulojn (la aŭtoro nomas ilin A, B, C kaj D, malallogaj literoj, kiujn mi konservis en ilia japana formo, kvazaŭ ili estus realaj nomoj) kaj la pompe vestitan virinon *Oben*, prezentas frapantajn konstrastojn. La komento de Kikuĉi mem pri ĉi tiu teatraĵo estas, ke ĝi estis foje malfavore kritikata de *Sooseki Nacume*, moderna novelisto, kiu, mortinta en 1916, ankoraŭ estas rigardata de la plimulto de l' japanoj kiel plej granda verkisto post la Restariĝo, sed, ke li trovas en ĝi ion neforjeteblan kaj tial li publikigis ĝin en volumo kun la tri teatraĵoj: »Amo de Toojuuroo«, »La surtegmenta frenezulo« kaj »Pli bone ol venĝi«.

*J. Ŝimomura.*

I. L. CARAGIALE (1852—1912) estas unu el la verkistoj, kiun rajte oni devas kalkuli inter la artistoj universalvaloraj. Gloro de la rumana literaturo, li transpasis la limojn de sia verklingvo per tradukoj kaj eĉ filmado.

La variecon de lia verkaro kaj artaj priokupoj egalas nur la varieco de lia vivo. Iame okaza teatristo, li atingis direktorecon de la Nacia Teatro. Debutinte per bonhumora kaj satiraĵa gazeto, nur poste, en maturaĝo, kiam aŭtodidakto akiras plenan kulturon, lia genio evidentiĝis ĉiurilate.

Strange ŝajnis al liaj samtempuloj — la emfazaj katedruloj — ke, dum li estris restoracion, li estis kompetenta artkritikisto kaj gvidis revuon. Malkonvenis al politikuloj, ke bieristo verkis komediojn kaj skizojn ilin pentrantajn kun ĉiuj ridindaj flankoj, pri kiuj ĝise eĉ ili mem ne konsciadis.

Dotita per sama humoro, li amis la vivon kaj naturon, sed ne priskribis tion. Inter liaj gajhumoraj kaj mokcelaj skizoj kaj teatraĵoj, oazas kelkaj dramverkoj kiuj montras plian flankon de lia talento kaj penso. Ankaŭ la homojn li ne priskribis, sed per lia tute aparta perceptpovo, li fundobservis la urbanojn ĉiumediajn — de la ĵaluzrabia kartludisto ĝis la dignoplena partiestro — kaj prezentis ilin al ni kun iliaj moroj, parolstilo, gestoj ktp.

Precipe li emis ridi kaj ridigi pri la homa stulteco.

Kritikistoj foje komparis lin al Molière, sed ne prave, ĉar lia satiro ne laŭas la klasikmanieran, la aŭtoro, kun sarkasmo aŭ saĝula moralo, sed neniel indulgante la heroon, konkludas, kiel la publiko, en rido, tiel verigante la varieblan sentencon de *Boileau:* Se vi volas min amuzi, unue sukcesu tion pri vi mem.

Speciala trajto de liaj komedioj estas la barakto inter la tradiciaj moroj orientaj kaj la francrevoluciaj ideoj. Tial lia teatra ĉefverko — »Letero perdita« — restas, pro lokaĵoj kaj kronikeco, propraĵo de la lando de l' aŭtoro.

Koncerne liajn provstudojn pri la arto — kiujn li titolas modeste »Kelkaj opinioj« — ili montras klarvidan kaj objektivan juĝon pri belo, havante propran kriterion pri proporcio en ĉiuj rilatoj, kion mi nomus »ĝustsenco«. Fuĝaj rigardoj en la dramojn de Shakespeare, Schiller, Hugo k. a., montras, kiom funde li konis la teatroteknikon kaj la sekreton: kio sencas aŭ troas.

Siajn kontraŭulojn Caragiale malofte refutis kaj bonvole instruis aŭ ignoris. Ĉe sia vivfino li estis rigardata kiel »majstro de le rumana literaturo«, ĝuis la estimon de la juna verkistaro kaj de la publiko, kompense pro la antaŭa nekonsidero flanke de la titolumitaj intelektuloj.

*M. Beraru.*

LA KONFLIKTOJ EN MANĈURIO KAJ ŜANHAJO. (Pri la agado de Universala Homama Asocio en Ĉinujo. Eld. Univ. Homama Asocio 1932. Komeoka Kioto-Hu, Japanujo. — 50 p. Prezo: 0.50 sv. fr.)

Politika disputverko, kies stilo, formo estas ĝenerale laŭdindaj kaj la dua parto, kiu parolas pri la bonfara agado de UHA en Ĉinujo, estas tre simpatia. La tono de la libro estas objektiva, nur foje trarompas ĝin kruda frazo: »Ĉinoj estas majstroj en la aranĝo de grandskala trompo, ne nur hejme, sed ankaŭ en Ĝenevo.«

Tie ĉi la aŭtoro ŝajne forgesis pri la meza litero de UHA.

*F. Szilágyi.*

TOO TRUE TO BE GOOD (TRO VERA POR ESTI BONA) de George Bernard Shaw.

La granda sensacio en la dramarta horizonto nunmomente en Anglujo estas la unua publika prezento de la supre titolita teatraĵo ĉe la ĉiujara dramfesto en Malvern. Preskaŭ ĉiuj kritikistoj malfavore skribas pri la nova plumido de Shaw, sed la aŭtoro tute ne estas ĝenata pro tio kaj diras: »mi supozas, ke, kiel kutime, la plimulto de la kritikantoj ne povis atingi la supron de la okazo. Mi ja ne povas helpi, se mi estas ĉirkaŭ kvindek jarojn pli antaŭe ol ili«.

Oni diras, ke B. S. kritikas detrue kaj konstrue. Li ne nur kondamnas la ekzistan staton de aferoj, sed sugestas rimedojn; li tamen ne faras tion ĉiam en la sama elspiro. La nova teatraĵo rilatas al postmilitaj seniluziiĝoj. En ĝi li sole kondamnas, kaj liajn konstruajn proponojn oni devas serĉi aliloke inter liaj verkoj. Rezultas de tio, ke la verko suferas de dramarta vidpunkto, kvankam ĝi estas bona propagando. B. S. diras al ni nun, ke ni senigis nin de sennombraj superstiĉoj kaj intelektaj falsaĵoj, ke ni akiris la arton, reciproke eksponi niajn animojn, sed ni ankoraŭ ne inventis filozofion por riveli la mensan sunbanadon, kaj tial nia malfeliĉo.

Objektive — li diras — ni estas en plibona stato ol antaŭe, sed subjektive ni estas senespere malkontentaj. Tion li ilustras pere de riĉa juna virino, kiu forkuras de superflua prizorgado flanke de sia patrino kaj kuracisto; pere de pastro, kiu, perceptinte post siaj militspertoj la vakecon de siaj antaŭaj kredoj, fariĝas rabisto; ankaŭ pere de ties ateista patro, kiu vidas sian determinismon »falanta kiel la muroj de Jeriĥo antaŭ Einstein«. Neniu el ili tamen trovis ion, kiu anstataŭos tion, kion li aŭ ŝi forigis.

La teatraĵo komenciĝas en la ĉambro de la malsana dorlotita junulino. Ŝia ekscitiĝema patrino, la riĉaj nutraĵoj, kaj la kuracisto, kiu nepre devas fari ion por justigi siajn honorariojn, kondukas ŝin al konstanta malsano. Ni havas Bacilon, kiu priplendas la naŭzan egoismon de la homaro, kiu konstante infektas sin per siaj memkaŭzitaj malsanoj. Ni havas friponan flegistinon en ligo kun domrabisto, iama pastro. Tiuj du planas rabatakon por ŝteli la perlojn de la malsanulino, kiu tamen tute neatendite montriĝas sufiĉe forta por rezisti la atakon. La rabisto, trovante sin en malagrabla situacio, proponas al la junulino, ke ŝi mem ŝtelu siajn proprajn perlojn, ili dividu la rabaĵon inter si kaj ŝi mem fariĝu unu el ili por vivi en saneco kaj libereco. Oni planas ankaŭ ŝajnan kapton de la junulino per banditoj, por havigi ankaŭ la riĉan elaĉetan monsumon. Tiamaniere la ludo translokiĝas al iu orienta mondparto, kaj tie, en la Brita Armeo, la pastro-rabisto renkontas sian patron. En la dezerto

estas sufiĉe da tempo por predikoj, kion la pastro plene eluzas per la elokventaj frazoj donacitaj de la aŭtoro.

La komika flegistino, sendia pagano kaj la avara junulino, kiu akiris liberecon kaj tamen trovas la vivon enua, estas la simboloj de la postmilita degenero.

»Mi estas predikanto per Dia donaco« — proklamas la pastro, aviadisto, bandito, rabisto kaj filozofo en la teatrajo — »mi povas klarigi ion ajn al iu ajn« — kaj tiu rimarko resumas en malmultaj vortoj *la raison d' être* de la nova verko.

*J. D. Applebaum.*

---

# RECENZO



ANDERSEN: FABELOJ. Plena kolekto. Tria parto. Tradukis: D-ro L. L. Zamenhof. 153 paĝoj. Eldonis: Esperantista Centra Liberejo. Paris. Prezo 9.— frfr + 30% por sendkostoj.

La Andersen-fabeloj estas ŝatataj legaĵoj kaj de la infanoj, kaj de la plenkreskuloj. La infano trovas en ili neelĉerpeblan sorĉfonton por kontentigi sian fantazion: Andersen gvidas ilin jen al ekzotikaj pejzaĝoj de l' Oriento, jen al ruinaj domoj de la konata marbordo de sia propra patrujo, jen al la mistika lando de l' sonĝo, de l' elfoj, jen al la silenta regno de l' morto. Tiuj ĉi fabeloj havas apartan mondon, ĝi estas spegulbildo de la realo, sed la spegulo de Andersen montras pli ol simplan reflekton de l' eksteraĵo: per nepriskribebla ĉarmo li ĵetas la akcenton sur la Bonon, per magia lanterno li projekcias animon en la krudon de l' realo. Per sia sorĉbastono li vivigas la ŝajne senvivajn objektojn, meblojn, ludilojn, li portas el la ĉielo la brilajn anĝelojn, kiuj vizitas la bonajn infanojn...

Sed ankaŭ al la grandaj infanoj, al la plenkreskuloj la libroj de Andersen donas tre multon. Lia preciza homkono, lia akra, sed ne malica satiro prezentas al la leganto eksterordinarajn valorojn: Andersen apartenas al la plej klarvidaj kaj plej klarmensaj verkistoj de l' homaro. Sed la satiro, la preciza analizado de l' homaj mankoj, kiuj sin kaŝas sub la sorĉa mantelo de l' fabelo, montras nur unu flankon, la negativan, de la verkisto, je la alia flanko mutiĝas la ironio kaj ni trovas sinceran poezion, pian adoron al la Bono, ni aŭskultas la voĉon de unu el la plej mildkoraj poetoj de l' mondliteraturo.

La traduko de Zamenhof, kiel ĉiam el la sama fonto, estas mirinde klara. Krom la ĝuo de ĉi tiu diafana stilo, kiu tiel senpere interpretas al ni la belaĵojn de la originalo, ni povas en ĝi ankaŭ ĝoji pri formoj, kiuj estas kvazaŭ decidoj pri diskutataj aferoj. Ekzemple ni trovas praktike aprobata la formon, kiun de certaj flankoj oni tiom atakas: la uzon de artikolita adjektivo anstataŭ substantivo, ekzemple: *la plej ĉarma, kion oni povas vidi.* Poste ni povas ĝoji pri *mano en mano, brako en brako*, anstataŭ la pli peza *manon en mano.* Oni trovas laŭeblan eviton de *je* kaj ĝian anstataŭigon per pli precizaj prepozicioj (plena *de*, trinki *por*, distranĉi *en*). Male: *morti de malsato, tremi de frosto* montras, ke la malprecizan, sed malpezan *de* la Majstro preferis al la preciza, sed peza, tro klariga *pro.* Oni trovas *limi* anstataŭ *limigi.* Poste ĝojigas min la manko de kunmetitaj verboformoj, kiujn Zamenhof tiel malŝatas, ke eĉ anstataŭ: *mi neniam estus pensinta* li skribas: *mi neniam pensus.*

Tamen, se licas rimarki en la stilo de la Majstro makuletojn, mi notas, ke la tro ofta uzo de la sufikso *ad* (apartaĵo propra al multaj polaj esp-istoj) min ĝenetas. Kaj ne plaĉe min mirigis la uzo de *unu* tie, kien mi estus metinta — simple nenion.

Nun oni diros, ke, kiel cetere multaj aliaj, mi agas kun tre travidebla ruzo, kiam mi akceptas la lingvo-uzon de la Majstro kiel nepran argumenton en aferoj, kiuj al mi plaĉas, sed mi simple ignoras ĝin en aferoj kontraŭaj al mia opinio. Tamen — »faru la kontrolon!« Dum la supre ĝoje menciitaj formoj estas evidente pli facilaj, pli elegantaj aŭ donas solvon apenaŭ anstataŭigeblan, — la forstreko de la multaj *ad* kaj *unu* neniom forprenus el la klareco kaj farus la stilon pli konciza aŭ evitigus oftan ripeton de sama elemento, kiu ja evidente devas efiki monotone.

En la libro ne mankas preseraroj. Plej ĝena estas »Notka ĉapo«, ĉar ne nur ĝi troviĝas en titolo, sed eĉ obstine ripetiĝas sur pluraj kapoj de paĝoj.

*L. Totsche.*

PROF. Dr. GÖHL: Ausführliche Sprachlehre des Esperanto. Eldonita de Dr. med. C. Renken kaj Friedrich Ellersiek. Berlin, 1932. Friedrich Ellersiek G. m. b. H. Esperanto-Verlag. 296 paĝoj.

Estas vere tragike, ke la aŭtoro de ĉi tiu ampleksa kaj mirinde riĉa, preskaŭ plene elĉerpa gramatiko, preta jam antaŭ dek jaroj, ne povis ĝisvivi ĝian aperon en libroformo. Tion certe kunsentos ĉiuj esp-istoj, kies manuskripto tiel tromaturiĝas en la tablokesto, ke fine ĝi iĝas ŝima.

Sed ĉi tio ne rilatas al ĉi tiu bonega verko, kiun cetere la aŭtoro konstante, ĝis sia bedaŭrata morto, tra kaj tralaboris. Ĝi estas tute freŝa kaj tre supera al la gramatiko de Velten. Alilandanoj certe povas envii la germanlingvajn esp-istojn pro ĉi tiu lerta gvidilo tra ĉiuj vojoj kaj vojkruciĝoj de nia lingvo. Impone abundan materialon ĝi enhavas; riĉaj ekzemploj pliklarigas klare esprimitajn regulojn; plurmaniere tradukendaj germanaj verboj (mögen, dürfen ktp.) estas esplorataj laŭ ĉiuj ebloj; prepozicioj kaj konjunkcioj estas traktataj vaste kaj detale — sed mi ja ne volas listigi la tutan riĉan enhavon de la libro, la germane scianta leganto plezure legos ĝin ĝisfine, kaj utile profitos el ĝi ĉiam, konsultante ĝin en okazo de dubo.

Mi volas noti nur kelkajn detaletojn, pri kiuj mi ne konsentas. Rilate al la vortfarado mi insistas, ke *bonaĵo* same ne estas *bona aĵo*, kiel *boneco* ne estas *bona eco*. Krome, mi opinias, ke en la okazoj, kiam la lingvouzo jam akceptis facilan, koncizan, elegantan formon, ĉi tiu certe venkos ĉiun pli pezan, eĉ se pli logikan formon, nove proponitan. *Tre* kaj *tro* antaŭ verboj neniam estos forpuŝataj de *tree* kaj *troe*. *Pli* certe triumfe tenos sian pozicion kontraŭ *pli multe*. Anstataŭ la simpla konjunkcia *dum* neniam ĝeneraliĝos la pli pezaj *dum kiam* kaj *dum ke*. Kaj se *ĝuste* uzeblas en malpropra senco, kial ne uzeblus tiel ankaŭ *propre*, kies tian uzon, cetere tute internacian, tiel malfacile estas anstataŭigi. La samon mi diras ankaŭ pri *sufiĉe* en la senco: *ĝis certa grado;* el ĝiaj surogatoj bona ŝajnas al mi la propono de Karl Minor: *ne* kun *mal- (ne malbona* anstataŭ *sufiĉe bona)*, sed ĝi ne ĉiam estas uzebla; kontraŭe, *treete* estas tiel artefarita, ke la plumo haltus en mia mano, se mi volus ĝin skribi. Poste, la tendenco de la lingvoevoluo estas kontraŭa al la *mal*-vortoj, kaj tial *maljam* estus mortenaskita, eĉ se ĝi ne estus tiel kaprompe konstruita. Mankas en la libro la zamenhofa uzo prefiksa de *pri*, tiel bonvena por turni la direkton de la ago (verŝi akvon, priverŝi floron; rabi monon, prirabi homon; pentri bildon, pripentri pejzaĝon).

Mi estis frapita legante, ke en la sin-kunmetoj *sin* rilatas ankaŭ al la 1. kaj 2. personoj (mi estas sindona al vi), jen vero, kiun mi neniam rimarkis konscie. Ĝian kaŭzon mi trovas en tio, ke la sin-kunmetoj kontraŭas la regulojn de la esp-a vortkunmetado, laŭ kiuj akuzativon oni ne povas fandi kun verbosubstantivo (vd. la zamenhofan ĉiopovo, ĉiopova: povo de ĉio: povo de ĉio/a); nu, ĉar oni instinkte sentis la malbonecon de ĉi tiuj formoj, en ili *sin* perdis sian originan akuzativan sencon kaj alprenis la signifon *pasiva mem*, kiu ja povas resti senŝanĝa ankaŭ en la 1. kaj 2. personoj.

La libro estas tre zorge, vere ame eldonita kaj vestita per tre belaspekta kaj forta verda tolbindo.

*Kopar.*

STELLAN ENGHOLM: HOMOJ SUR LA TERO. Gajninto de la Literatura Konkurso de Literatura Mondo en 1931. Eldonis: Literatura Mondo, Budapest. 202 paĝoj. 20×13.5 cm. Prezo broŝ. 0.70, bind 1.— dolaro + 10%.

La romano gajnis la konkurson kaj la esp-a literaturo tre valoran verkon. Sendube tiu ĉi libro estas la plej signifa evento de nia originala romanliteraturo ekde la apero de »Anni kaj Montmatre« de R. Schwartz. Jam la unua libro de Engholm, »Al Torento«, havis grandajn kvalitojn, kvankam en tiu libro la eminentaj verkistaj ecoj de Engholm aperis ankoraŭ en ĝermostato.

La nova volumo atestas pri granda progreso: la ideologiaj pritraktadoj kaj meditoj, kiuj tiom oftis en »Al Torento«, ĉi tie jam forestas. Ĉi tie jam estas klara la klopodo de l' verkisto: li volis prezenti vivajn figurojn, homajn karnon kaj koron per la plej simplaj iloj, sen oratorado kaj falsa patoso.

Kaj unu el la ĉefaj virtoj de Engholm estas lia sobra realismo, per kiu li pentras siajn heroojn kaj iliajn mediojn. Tre bonajn okulojn havas Engholm: oni sentas, ke liaj figuroj ne estas naskitoj de lia fantazio, sed ke li vestis i in per ecoj kaj gestoj, kiujn liaj precizaj okuloj mirinde trafe observis kaj enmagazenigis. Sed ĝuste apud lia granda forto troviĝas lia granda malforto: lia realismo estas iom tro sobra, iom hipertrofia, ĝi ne donas lokon por la fantazio. Tio rezultigas, ke liaj figuroj iĝas iom monotonaj: ili havas eksterajon ŝtelobservitan vere el la vivo, en siaj vejnoj ili havas la plej puran, la plej noblan sangon, kiun romanheroo nur povas havi, sed la kvanto de tiu ĉi sango estas malmulta. Engholm estas la poeto de la blankaj-nigraj lumefektoj, por la riĉaj nuancoj de koloroj li ne estas tro sentema.

Tiu ĉi bariteco de l' fantazio kaŭzas la ĉefan mankon de l' libro: la malriĉon je eventoj, kaj tiun prezentmanieron, ke la aŭtoro rakontas pri la agoj de siaj herooj, sed li ne igas ilin agi antaŭ ni. La verkisto sentas sian mankon kaj li volas kontraŭbalanci ĝin per la plej konscienca kaj preciza priskribo de siaj figuroj kaj iliaj propraĵoj, el tio sekvas kelkfoje malavantaĝo tute kontraŭa al la pli supre riproĉita anemio: kelkfoje li estas tropreciza, trologika. Ekzemple kiam Kristoforo miksiĝas inter urbanojn kaj sekve aĉetas urbajn vestaĵojn, li skribas: »Ankaŭ tiu ŝanĝo kostis iom da mono. Bedaŭrinde li havis la senton, ke tia ŝanĝo nemulte utilas. Gaja vespero valoras la monon, sed la efiko de la drinkaĵo estas tute sama, se oni estas vestita per ĉifono aŭ ŝtofo de reĝoj. Sed kutimo postulis ja, cetere li ne malŝatis la belajn vestojn.« La troprecizeco de l' lasta frazo jam lacigas. Kelkfoje en la imagon de l' leganto venas akre konturita foto, ĉe kiu ĝuste la akrezo malhelpas la plenan validiĝon de l' efekto. Iom da arta malprecizeco ne malutilas!

Sed oni ne devas pensi, ke la figuroj de Engholm pale efikas al la leganto. Tute ne! La du kamparaj virinoj, Kajsa kaj Selma, ŝajnas radikiĝintaj profunde en la teron. Kaj per kia delikata psikologio estas pentrita la maljuna Kristoforo!

Psikologio! jen la dua reganta vorto en la regno de Engholm, la magia ilo, kiu anstataŭ la epika fantazio helpas la realistajn okulojn de l' verkisto. Ni povus citi sennombrajn ekzemplojn, ni vidu kiel li karakterizas per kelkaj simplaj frazoj la diversan labormanieron de la du Kristoforoj kaj per tio kiel li ekpalpas ilian plej kernan temperament-diferencon: »La maljuna Kristoforo ĉirkaŭflugis kiel juna birdo, ĉiam vigla kaj kun vivema brilo en la okuloj. La filo, kontraŭe, paŝis sian vojon malvigle, kiel maljuna bovo, kun kurba dorso kaj kun ŝultroj larĝaj kiel kabano. Komencante laboron, li neniam havis urĝon, sed komencinte li obstine daŭrigis.« Kiel delikate estas analizataj la rilato inter la maljuna Kristoforo kaj liaj familianoj, kaj tiu inter li kaj liaj konatoj. Kiel preme li scias sensigi la etoson de l' malpleno en tiu ĉi stranga familio. Kaj la duoblan malplenon kaj sencelecon post la morto de l' maljunulo! La iompostioman procezon de l' ŝanĝiĝo en la animo de l' filo, kaŭzitan de ĉi tiu morto. Kiel delikattakte li desegnas la rilaton inter la malnova kaj nova mastrinoj: la malfortan spiton kaj envion, per kiu Kajsa volas defendi sian pozicion kontraŭ la novveninta Selma, la objektivan rezignon, per kiu ŝi rekonas ŝiajn senriproĉajn kvalitojn kaj trankviliĝas pri la ŝanĝoj de l' nova reĝimo. Kaj kiel vere homa estas la natura sinturno de l' maljunulino al la nepo, ŝi, kies tuta ĝisnuna vivcelo estis la korto, la tero, nun trovis novan vivsencon: »... ŝi vidis nur la senfortan etulon en la lulilo.« »Revekiĝis malnovaj lulkantoj, kiuj dum pli ol tridek jaroj dormis en la anguloj de ŝia memoro, kaj ŝia sensonora, maljunulina voĉo kortuŝe ĉirpadis ilin, dum la lulilo moviĝis kaj la trikiloj senĉese zigzagis inter ŝiaj ostaj kaj ŝrumpintaj fingroj.« La virinfiguroj estas plej sukcesaj ĉe Engholm.

En la pentrado pri la knabaĝo de l' nepo li ne sukcesis tiom. Mi sentas ĝin iom griza kaj hasta, eventoj apenaŭ. Sed estas vere genia ektrovo, kiam la verkisto sensigas al ni la revekiĝon de l' maljuna Kristoforo en la animo de l' nepo. (Mi aludas pri la scenoj sur la kampo, kiam la plugantan nepon nevideble akompanas la avo, aŭ la nepo ekludas sur la violono de l' avo.)

La romano pritraktas la historion de kamparana familio tra tri generacioj; se ni rigardas ĝin el tiu ĉi vidpunkto, ni trovas ĝin iom mallonga, skizeca. Sed la ĉefa heroo de l' romano estas la bieno, la tero, kies pulsado sentiĝas sur ĉiu paĝo de l' libro, la tero, kiu indiferente rigardas la homojn penadantajn sur ĝi, la sinsekvantajn generaciojn, kiuj perdas kaj regajnas ĝin, sed al kies vivo ĝi donacas la celon kaj sencon... La volon al monumentaj simboloj oni klare sentas ĉe Engholm: por sia konstruaĵo li uzas eble nur grizajn ŝtonojn, sed la dureco de tiuj ĉi ŝtonoj estas granita.

La stilon de l' libro mi trovas pura, natura. Precipe menciindas la bongusta freŝeco de liaj komparoj, la fortika simpleco de liaj esprimoj. Liaj komparoj estas trasorbitaj de la bildoj de l' kampara vivo. Ĉe li la vento »igis la grizan kaprobarbon ondi kiel grenkampon en blovego. Imagigaj esprimoj, kiel »tio estis verŝi akvon sur anason«, »vorto donis vorton«, »la pasinto subite trabreĉis la multjaran tavolon de labortage grizaj pensoj kaj sentoj«, »li estis montfirme konvinkita«, donas sanan viglon al liaj frazoj kaj firme ekkaptas la fantazion de l' leganto. Ne mankas ankaŭ ŝercaj petolaĵoj, ekzemple kiam Kristoforo nomas la edzinon »akra ilo«. Lia frazkonstruo estas klara, lia vortordo logika, sed ĉiam natura. Monstrajn vortkunmetojn li evitas. Precipe laŭdindaj estas kelkaj delikathumoraj naturpriskriboj, kiuj ĝuste akordiĝas kun la humoro de liaj herooj, tamen estas riproĉinde, ke tiuj ĉi priskriboj estas malmulte elvokivaj: Engholm sentas en kaj kun la naturo, tamen li ne sukcesas rekonstrui pejzaĝon.

El lingva vidpunkto kompreneble mi trovis preskaŭ nenion riproĉindan. Bedaŭrinde mi trovis kelkajn »unu« uzatajn kiel artikolojn nedifinajn. Tia stilisto, kia Engholm, devus pli severe atenti kaj liberigi sin de modaj epidemioj.

RESUMO: »Al Torento« alportis valorojn kaj multajn mankojn, vekis esperojn, »Homoj sur la tero« montras pri evoluintajn kvalitojn, ŝrumpantajn mankojn kaj plifortigas la esperojn. Nia publiko agos en la intereso de l' esp-a literaturo, se ĝi sekvos kun atento la vojon de tiu ĉi neĉiutaga talento. *Ludoviko Totsche*

## Neologismoj

en tiu ĉi numero, ne troveblaj en la Plena Vortaro de S. A. T.:

*etoso:* atmosfero de loko, pejzaĝo k. t. p.
*dura:* malmola
*lucida:* klarvida
*hasti:* senpacience rapidi
*poltrona:* malkuraĝa
*sledo:* glitveturilo
*olda:* maljuna

La romano, gajninta unuaniman plaĉon ĉe la juĝistaro kaj la premion de la romankonkurso de Literatura Mondo aperis:

# HOMOJ

# SUR LA TERO

Romano de

## STELLAN ENGHOLM

indigis sin por tio per sia **granda karakterizkapablo, altira rakontpovo, facila stilo,** kiuj ecoj lokigas la svedan aŭtoron en la unuan vicon de niaj originalaj verkistoj.

**Legu la raporton en la ĉi jara maja numero.**

En formato de 20×13·5 cm. 200 paĝa. En kutime plaĉa aspekto. Prezo broŝ. USA dol 0·70. bind. 1·— + 10% por sendkostoj.
Eldonas LITERATURA MONDO, Budapest
Havebla ĉe ĉiuj seriozaj esperantistaj libristoj.

---

# Eldonajoj de „Literatura Mondo“

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

**Dancu Marionetoj,** noveloj tolb. 1.05, duont. 0.80, broŝ 0.70
**Migranta Plumo,** noveloj „ 0,90, „ 0.55
**Viktimoj,** romano „ 1.50, „ 1.10, „ 1.—
**Hura!** romano „ 2.—, „ 1.65, „ 1.50
**Preter la vivo,** poemaro „ 0.60, „ 0.40
**Pilgrimo,** poemaro „ 0.60, „ 0.35

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

**Lingvo Stilo Formo** „ 0.95, „ 0.60
**Streĉita Kordo** „ 1.15, „ 0.80
**Rimportretoj** „ 0.90, „ 0.60
**Eterna Bukedo. Internacia poemantologio el 22 lingvoj.** Tradukoj el la plej famaj poetoj. 352 paĝa, duonlede bindita „ 2.20
**Madách: Tragedio de l' Homo** luksa bind. 1,50, luksa 1.10, broŝ 0.80
**Petőfi: Johano la Brava** „ 0.60, „ 0.30
**Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro** silkebind 1.— bind. 0.60, broŝ 0.40

**Aliaj eldonajoj:**

**Jean Forge: Mister Tot aĉetas mil okulojn,** romano bind. 1.20, „ 0·80
**Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando** bind. 0.50, „ 0.30
**T. Schwartz: Modernaj Robinzonoj** „ 0.30
**Kenelm Robinson: Homarisma Laboro** „ 0.12
**Gramofondisko** Sárossy—Baghy afrankita 1.70
**Szilágyi: La Ŝimpla Esperanto** 0.21
**La Pentroarto** en la malnova Hungarujo 96 ilust. duonlede bind. 3
**Totsche: De Paĝo al Paĝo** bindita 0.80, broŝ 0.50
**Szilágyi: Trans la Fabeloceano** bindita 1.—, broŝ 0.60
**St. Engholm: Homoj sur la Tero** bind. 1·—, broŝ 0·70

**Prezoj en usonaj dolaroj!**

Aldonu 10% por sendkostoj.

---

**JEN APERIS**

NOVA VERKO DE J. ŜIMOMURA!

# Nova Kurso de Esperantaj Leteroj

Paĝoj: 368. Formato: 12.5×18 cm. Kun ilustrajoj, multaj tekstoj en Esperanto kaj klarigoj en la japana lingvo. — Prezo: Usonaj dolaroj 0.60. — Aldonu 10 procentojn por sendkostoj.

ELDONEJO:
**JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO**
1-24 MOTO-MAĈI, HONGOO, TOKIO, JAPANUJO.
HAVEBLA ĈE
**LITERATURA MONDO, BUDAPEST**

---

La verkisto, kiu estis bone konata antaŭ la milito sub la pseŭdonomo

IVAN MALFELIĈULO

aperigis novan novelon subtitolo

# PEKO DE KAIN

En la novelo la aŭtoro

**I. ŜIRJAEV**

kontraŭstarigas la sorton de militrifuzinto kaj batalinto, glorigas la unuan kaj prezentas per koloraj penikstrekoj la teruron, kiu atingis la duan

Prezo: 0·20 Usonaj dolaroj afrankite aŭ egalvaloro

Mendu ĉe la ĉefdeponejo:
**Literatura Mondo**
Budapest, aŭ ĉe la seriozaj esperantistaj librovendistoj

# Apopleksio trafos vin




pro ĝojo, se tro rapide vi foliumos la prospekton aldonitan al la nuna numero pri Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj. Tial ĝin

## legu atente, malrapide

paĝon post paĝo kaj plenigu atente vian aliĝilon al la mirinda organizaĵo. Sendu kun la aliĝilo la adresojn de viaj amikoj, kiuj meritas ricevi de vi valoran donacon. Ili estos dankaj al vi!

## PAGI VI NE DEVAS

tuj. Sed paginte, vi rajtas tuj ricevi la jam aperintajn librojn.

Adresu bone al

## Literatura Mondo por AELA

**Budapest, Hungarujo, IX, Mester ucca 53, V. 7.**

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István